XVII^a jaro. N° 246 (2) ☆ Monata ☆ Februaro 1921

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Frankoj | Anonco (unu-centimetra kolonero) | 2.— Frankoj |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Frankoj | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Franko |
| Unu numero | 1.— Franko | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Franko |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## ANTAŬ PRAHA

La nuna jaro komenciĝis per vasta ekflorado de nova Esperanta movado en multaj landoj.

Nia XIII^a Kongreso en Praha sendube ludos tre gravan rolon propagandan. Ĉar la monŝanĝo estas multe pli favora ol por Hago, ĉiuj Esperantistoj devas klopodi, ke tiu dua postmilita kunveno estu treege multnombra. Eĉ por Britoj ekzemple la tuta vojaĝo kaj restado atingos sumon malpli altan ol ili elspezis lastan Aŭguston. Karavanoj estos facile aranĝeblaj kaj ebligos fiksajn prezojn.

Ni esperas, ke niaj ĉeĥoslovakaj amikoj sukcesos, ke ilia registaro invitu la novajn regnojn de centra kaj orienta Eŭropo sendi oficialajn reprezentantojn por okulvidi kaj raporti pri la kongreso. Ankaŭ estus dezirinde, ke niaj francaj samideanoj, kiuj estis tro malmultaj en Hago, klopodu veturi multnombre al Praha. Ĝenerale nia Esperantistaro ne scias sufiĉe grupiĝi por tiuj aferoj. En ĉiuj aliaj movadoj, kiam solaj personoj ne havas rimedojn por veturi al kongreso, la samgrupanoj speciale kotizas por sendi almenaŭ unu aŭ du delegitojn.

Ni supozu grupon da 30 neriĉaj personoj. Neniu povas elspezi 300 Fr. necesajn, sed ĉiu povas donaci 10 Fr. Unu jaron veturos tiu persono, sekvantan jaron tiu alia, k. t. p. Iom post iom ĉiuj plej agemaj grupanoj estos ĉeestintaj almenaŭ unu kongreson per reciproka subtenado.

Lastatempe kelkaj Esperantistoj demandis sin ĉu ni tro parolas aŭ ne pri la „interna ideo.“ Ne tiom paroli estas utile, sed agi laŭ tiu Zamenhofa inspiro. Nenie pli ol en kongreso la „nova sento“ vastiĝas per la lingvo mem. Esperanta vivo tute ne bezonas esti kontraŭnacia. Plene sufiĉas, ke ĝi estu supernacia, alte tutmonda. En Esperantaj gazetoj aŭ kunvenoj ni kiom eble silentu pri pure naciaj interesoj, ni forlasu tradukojn de naciaj himnoj, polemikojn pri milito, disputojn pri nacilingvoj aŭ teritorioj, eĉ en plej noblaj kaj pravaj okazoj. Ni kutimu prepari per nia lingvo tutmondan bazon de komunaj interpopolaj interesoj. Por tio ni bezonas nenion detrui aŭ ataki, nur vivigi per nia lingvo la kutimon pri homara pensado. Ĝentila kaj pozitiva kunklopodado al internacia celo estas ja programo per si mem unuiga. Ĝi devas esti la speciala eco de l' Esperantistaro. La interna ideo ne estas dogmo, ĝi estas... atmosfero. Ni gardu ĝin.

*Edmond Privat.*

## Al niaj legantoj

*Ĉi tiu numero estas ankoraŭ sendita al ĉiuj abonintoj de 1920. Kiu ankoraŭ ne renovigis sian abonon bonvolu tion fari senprokraste por eviti malfruiĝon en la sendo de la aliaj N-roj. Kiu ne deziras daŭrigi la abonon bonvolu resendi ĉi tiun N-ron notante sian adreson kiel sendinto.* *„ESPERANTO.“*

 SOCIA VIVO 

# Bibliografa Psiĥologio

La enhavo de tiu ĉi artikolo estis la temo de la parolado, farita de l' aŭtoro, S-ro D-ro *N. Rubakin* en novembro de 1920, en *Ĝenevo*, en *„Institut Jean-Jacques Rousseau"*. La manuskripton l'aŭtoro afable donis al la tradukistino por Esperanta jurnalo.

Kion signifas la *Bibliografa Psiĥologio?* Tiu ĉi nomo estas donita al la scienco, kiu sin okupas pri ĉiuj psiĥaj fenomenoj, kiel ajn havantaj rilatojn al la libro, al ĝia cirkulado, ĝia utiligado, ĝia influo sur la homan vivadon. La vorto „libro" tie devas esti komprenata en la plej vasta senco. Ne nur parolo skribita, ankaŭ „parolata", ĉar ne ekzistas limoj inter presita kaj dirita parolo. La parolo en vastega signifo estas la objekto de la bibliografa psiĥologia studado.

*Kion do pristudas la bibliografa psiĥologio?*

Ĝi, unu el branĉoj de la eksperimenta psiĥologio, laŭ metodoj de la precizaj sciencoj, havas la celon: esplori la funkcian dependecon inter tiuj ĉi tri: la leganto, la libro, l'aŭtoro. Tiuj ĉi pristudoj estas farataj, laŭ tute sciencaj metodoj, elirante el tiu vidpunkto, ke la enhavo de la libro ne estas tiel grava, kiel la kapableco de la perceptemo de la leganto.

Por juĝi pri la libro, oni kutime komencas pri la studado de ĝi.; male, la bibliografa psiĥologio komencas per la studado de la leganto.

Kiel efikas la libro sur la leganton? Tute malsame sur unu, ol sur la alian. La efiko povas esti komparata je la fajrero, kiu naskas la brulegon, kiam ĝi trovas taŭgan brulŝtofon. La leganto perceptas la legatan, depende de sia memoro, de ĝia riĉeco, de la multflankeco, de ĝia individuala karaktero. La kultura homo, jam havanta en sia memoro multe da enprovizitaj scioj, komprenos la saman libron alie, ol neinstruita; fine, la parolo ne „diras" ion, se ĝi estas en nekonata lingvo.

Ni atentu pri la rolo de la memoro. *Richard Semon*, en siaj rimarkindaj laboroj: *Die Mneme und die mnemische Empfindung*, donis al tiuj enprovizoj en la memoro la nomon: *La Mnemo*. La vivo de ĉiu el ni faras en nia individuala mnemo la ĉiam novajn „enskribaĵojn". Nun, ĉia parolo, de ni legita aŭ aŭdita, kuniĝas (aliĝas) al tia aŭ alia enprovizo de tiaj „enskribaĵoj", tial ĝi vekas, vivigas la interrespondan „enskribaĵon", en la animo de la leganto aŭ aŭdanto. Ĉiuj tiuj enskribaĵoj povas, en certaj kondiĉoj, reviviĝi, laŭ la ecoj de vivanta materio, ecoj, ankoraŭ ne elstuditaj de la scienco.

*R. Semon* ĉi tiun reviviĝon nomas „ekforio" (greka vorto „ekforo": mi elportas), ĉar je tiu reviviĝo, la paroloj sin elportas el la mnemo kaj revivigas amasigitajn en ĝi enskribaĵojn. Tiamaniere, la enhavo de la libro elvokas jam ekzistantajn ĉe la leganto „mnemekforojn". Tiu ĉi efiko, kiu ni, en scienca lingvo, nomos „la projekcio de la vorto de la libro kune de la leganto," ne estas io alia, ol la funkciado de ĝia leganto, de la psiĥologio de la leganto. Rezume, oni povas diri:

*La libro estas la leganto mem*

El ĉio supredirita oni povas fari du konkludojn, kiuj samtempe estas du fundamentaj leĝoj de la *bibliografa psiĥologio:*

1° Unuan leĝon *Rubakin* nomas la leĝo de la famkonata germana scienculo *Wilhelm Humboldt*, kaj samtempe de l'ukraina scienculo, profesoro de Ĥarkova Universitato, *A. Potebnja*. Jen tiu ĉi lego.

*„Ĉiu vorto, ankaŭ tuta libro, ne estas transmetilo de la enhavo; sed nur la ekcitilo de psiĥaj travivaĵoj. Nenia parolo, nenia libro havas sian, propran al ĝi, enhavon."*

2° Jen dua, fundamenta lego de la *bibliografa psiĥologio.*

*„La simileco de ekcitoj, elvokitaj per sama libro ĉe du malsamaj legantoj, tute dependas de la simileco de iliaj mnemoj."*

Tiun ĉi duan leĝon *Rubakin* nomas: la leĝo de la mnemo aŭ la leĝo de *Richard Semon*.

Tiuj ĉi leĝoj de la *bibliografa psiĥologia* scienco tute ŝanĝas antaŭajn metodojn en la studado, en la utiligado de libroj, ankaŭ en meminstruado. Por kompreni la libron, ĝian aŭtoron, kiuj estas nur ekcitiloj, ni pristudu nin mem, la psiĥon de aliaj, komprenu la leganton.

Konata angla psiĥologo *Herbert Spenser* diris: „ĉiu el ni trovas tion, kion li serĉas."

El ĉio supredirita estas klare, kiel necese, kiel grave estis trovi, science prilabori la metodojn, laŭ kiuj oni povus studi la funkcian dependecon de la libraj efikoj (projekcioj), de la persono de la leganto, de lia individualeco, de lia tipo. Eksperimenta psiĥologio jam donis al ni multe da metodoj tiaj. Konata svisa psiĥologo, *Ed. Claparède*, faris detalan revuon de tiuj ĉi metodoj; tiu ĉi laboro estas tre multevalora por la *bibliografa psiĥologio.*

La *bibliografa psiĥologio* ankaŭ havas sian, propran, apartan metodon, ellaboritan en multjara praktika pristudo de D-ro *Rubakin*, helpe de la leĝoj de la psiĥologio, de la statistika scienco. Bedaŭrinde, en nia mallonga jurnala artikolo, ne estas al ni eble detale priskribi la sciencajn metodojn, kiujn uzas la *bibliografa psiĥologio* en sia precize-scienca studado, laŭ supremenciitaj leĝoj, de la interrilatoj de la libro, de la leganto. Kiu sin interesas pri la *bibliografa psiĥologio*, legu la libron de D-ro *N. Rubakin*, baldaŭ aperontan en franca lingvo: *„L'introduction à la bibliographie psychologique."*

Oni povus demandi: kian praktikan utilon alportos tia nova vidpunkto sur la influon de la parolo? Ĉu tiu ĉi novaĵo en la regiono de la psiĥologio restos nur la objekto de scienca esplorado en ia psiĥologa laborejo, aŭ ni povas uzi ĝin, utiligi ĝin en la vivo?

D-ro *Rubakin*, dum multaj jaroj sin okupinta pri la sciencaj laboroj en la *bibliografa psiĥologio*, konata popularigisto de naturaj, matematikaj, historiaj sciencoj, nomas la *bibl. psiĥ.* „scienco, prenita el la vivo, aplikebla al la vivo."

Efektive, la rezultoj de la aplikado de la konkludoj de la *bibl. psiĥ.* al la praktika vivo estas tre gravaj kaj neelkalkuleble utilaj. Ĉie, kie povas esti transmetebla la impreso sur homan animon; ĉie, kie tiuj ĉi impresoj revivigas similajn „enskribaĵojn" en la mnemo (ankaŭ en la muziko, en la arto drama, en la pentrarto, en la predikado), la *bibl. psiĥ.* malfermas al ni tute novan mondon. Ni pensu nur al la pedagogia scienco, en kiu la *bibl. psiĥ.* faros radikan renversigon! Novaj vovoj vidiĝas en la edukado, kie ni zorgu, de la plej juna aĝo, enprovizi en perceptema, influema infana mnemo nur tiujn „enskribaĵojn", ke tiu ĉi juna mnemo reagu sole je bonaj paroloj, noblaj pensoj kaj sentoj!

Kiom da utilo por la jurnalisto, bibliotekisto, predikisto! Kiom da ŝparo de tempo, de fortoj, kiam oni povas atingi deziratajn rezultojn kun la plej malmultaj elspezoj de l' energio, de monrimedoj! Oni pensu pri la aplikado de la *bibl. psiĥ.* al nia Esperanta movado, kie oni tiel devas eviti la malŝparegon de la fortoj, de la tempo!

En la lumigo de la *bibl. psiĥ.* la libro ricevas ankoraŭ pli grandan signifon, pli profundan influon, pli vastan utiligon!

Estas ja bazita, diras *Rubakin*, tuta nia civilizacio sur la libro! Ni finas nian artikolon per samaj vortoj, per kiuj finis *Rubakin* sian interesan paroladon en *Institut Jean-Jacques Rousseau:*

*Vivu la libro! La plej povega ilo en la batalado pro la vereco, pro la justeco!* *Alexandra Mexin.*

---

# La problemo de la batalo

La problemo de la batalo estas malnova. Tiel longe kiel la homoj pensas kaj skribas, ilia historio rakontas pri la militoj: la militoj de la Persoj, de l' Punioj, de l' Galoj, de l' Germanoj, almilitaj, priheredaj, prireligiaj, nenia speco mankas. Eŭropo vagis tra sangtorentoj. La predikanto de la paco estis krucumita kaj, lia dogmaro estiĝis la fonto ne de la paco, sed de l' milito. Nia junaĝo estis plenigita je jarnombroj de la militoj anstataŭ de la grandaj kulturprogresoj.

La historio, kiu raportas la okazintaĵojn de l' estinteco, ree kaj ree revenas al ĝia ĉefa temo, la milito kaj ties sekvoj, la ploroj de la patrinoj, dezertigo de la kampoj kaj urboj, subpremo, mizero, detruo de la laboroj de la paco, de la kulturo.

Estas evidente, ke la milito estas malamiko de la homa progreso. Tamen ofte voĉoj estas aŭditaj, kiuj defendas ĝin; ĉar ĝi vekas laŭ ilia opinio virtojn kaj fortojn, kiuj sen ĝi estus dormintaj, ĝi ekscitas la kuraĝon, la memkonfidon, ŝtaligas la viran virton k. t. p. Krome ofte novaj kulturepokoj komencas kiel sekvo de l' milito. Aliaj, speciale la naturesploristoj kaj biologistoj diras, ke la milito estas laŭvola al la naturo, kiu nur konas batalon pro vivo. Jam la antikvuloj nomis la militon patro de ĉiuj aĵoj. Aliaj prenas la militon neevitebla fakto kaj konstruis filosofion de la milito. Fine ankaŭ esti preparita al la milito estis konsiderata kiel rimedo de la paco, kio do estas la senco de la latina proverbo: *Si vis pacem, para bellum.*

La lasta milito, kiu kostis la vivon de multaj milionoj viroj en laborĝoja kaj laborkapabla aĝo, denove altiras la atenton al ĉi tiu problemo. Ni vidis, ke la eltrovaĵoj, la intelekto, financaj kaj korpaj fortoj estis servigitaj al la teruro de la plej kruela mortigo. La malĝoja realeco superis ĉian imagon. Kiu povas kredi vidante la penon de l' mortantoj, la dolorojn de l' vunditoj, ke estas la volo de l' naturo vidi mortanta ĝian kreajon? ke laŭ ĝia volo la sango de l' milionoj estas la prezo postulata por ebligi la progreson? ke la mortigo estas la celo de la vivo? Certe ne! La homo ofte montris sin majstro de la naturo, li superis la maron, la aeron, la fajron per la batalo de l' intelekto, kaj nun, ĉu li estus nekapabla forigi la rimedon de la bruta forto por ebenigi la vojon de la kulturo?

Se ni konsideras la kaŭzon de la militoj de la estinteco, ni vidas, ke la egoismo, „la sankta egoismo“ de la regantoj, la avido pri potenco aŭ aliaj malhonestaj celoj estis la motivoj. Aliaj motivoj estis malsamaj prireligiaj opinioj. Hodiaŭ prireligiaj militoj estas neimageblaj, sed la fantomo de la potenco, la ĵaluzo inter la popoloj ankoraŭ estas viva kaj danĝera al la paco. Ĉu ne estus eble repacigi la kontraŭstarantajn interesojn per amikeco?

Erare estas rilati al la batalo en la vivo de l' naturo. Estas natura leĝo, ke speco ne mortigas specon, la samspecaj bestoj donas ekzemplon al la homo, ili ne disŝiras sin reciproke, ĉi tio estas la kontraŭnatura apartaĵo de l' homaro.

En la nacia vivo la rajto de la pugno, de la bruta forto, malaperis kaj donis lokon al la leĝa ordo. Kial ne estus eble starigi la saman ordon en la internacia vivo? La leĝa ordo en la vivo de la popoloj, kiuj do estas membroj de la sama gento, filoj de la sama patrino, apartenantoj de la sama familio, signifus la venkon de la racio.

La batala kapablo de l' homaro trovas kampon en la korpa ekzerco, en la sporto, en la konkuro de la laboro, kies karaktero estas konstrui, ne detrui. La natura celo de nia estado estas la vivo, ne la morto. Se la homa historio havas sencon, tio devas esti la paca progreso per morala renaskiĝo de l' spirito, ne sangemarkita.

Anstataŭ la intermortigo la principo de la reciproka helpo estas valorigota kiel fundamento, sur kiu la internacia vivo devas esti konstruata al la savo de l' homaro. Nia espero estas, ke ankaŭ la komuna lingvo povas esti ponto de l' kompreno, kaj Esperanto estu briko por ĉi tiu homara konstruo.

*F. J.*

---

# Pri Sportoj

Ne tedu mi la legantaron, se foje mi direktas ilian atenton al teritorio, kiun ĝis nun la gazetoj esperantaj nur malofte prilaboris. Mi opinias la tutan movadon de l' sporto kaj gimnastiko. La korpa edukado de la popoloj per la sporto ja estas grava, kaj okupadas eĉ la parlamentojn, precipe en landoj, senpere malfortigitaj per la milito, kiuj perdis per la direkta efiko de la batalo kaj mizeriĝo la plej valoran parton de la loĝantaro. Ĉie oni pripensas, kiamaniere oni povas plialtigi la ĝeneralan sanstaton, precipe de la gejunularo forlasinta lernejojn, ne por ricevi fortikajn soldatojn, sed por doni al akrigita spirito korpan ilon, taŭga atingi progresojn, bonfunkcianta eĉ dum plej fortaj bezonpostuloj.

Pri la solvo preskaŭ ĉie ĝis nun penadis privata laboro en mil kaj mil unuiĝoj de la sporto kaj gimnastiko kaj nur lasttempe en kelkaj landoj subtenis la registaro ĉi tiun laboron per leĝoj, kiuj postulas regulan kaj daŭran ekzercon de la junularo, almenaŭ de la vira. Estas strange, ke oni nur tiom malofte povis trovi ion pri ĉi tiu demando en la Esperanto gazetaro, ĉar ja nature malgraŭ ĉia diferenco en la sistemoj de la ekzercado tamen ekzistas egaleco en la materialo, la homa korpo. Eĉ la nura penso, kompari la spertojn pri la diversaj sistemoj postulas internacian okupadon kaj interrilatojn. Kaj tamen eĉ en nordaj gazetoj esperantaj ne estis troveblaj artikoloj pri sporto. Nur la belega „Esperanta Finnlando“ montris staton de finnlanda sporto. Ĉu eble por la intelektuloj de la esperantistaro demando de korpa edukado ne estus sufiĉe grava? Ili ne estus pravaj! Ĝi jam posedas gravecon kiel propagandkampo, kie ni povus rekomendi la bezonon de nia lingvo, kaj oni nur devas miri, ke ne jam fondiĝis granda esperanta sportligo internacia. Se iu ajn bezonas interkomunikilon, tiu estas la sportisto. Depost longe sportistoj havas internaciajn rilatojn, precipe la piedpilkludantoj kaj la anoj de la atletika sporto, kiuj per „olimpiaj ludoj“ mezuras kaj komparas konon kaj kapablon de la sportistoj, sukcesojn de destinataj ekzercmetodoj kaj ŝanĝas la spertojn pri nutradkutimoj. Sed ĝis nun ili ne bezonis Esperanton kaj ankaŭ en la naciaj sportgazetoj oni nur malofte trovas propagandartikolon. Tie ĉi agu, Esperantistoj, jen disrompu obstinajn barojn!

Vetkonkursoj internaciaj supozas egalecon da reguloj kaj batililoj. Atingi tion, la sportestroj de la nacioj devas interrilatiĝi. Tio okazis ĝis nun nacilingve, absurdaĵo, kiu devas

absorbi grandan parton de forto, pli bone kaj facile efikigi por reala laboro sporta. Sed ne nur la gvidantaro tirus utilon el la bezono de Esperanto, pli multe la anoj! Estas sonĝo de ĉia sportano, atingi la distingon, kiel reprezentanto de sia lando defendi la naciajn kolorojn vetkonkursante kiel piedpilkludanto, kuranto, saltanto, naĝanto k. t. p. kaj la naciaj unuiĝoj ne nur sendas iliajn reprezentantojn al la olimpiaj ludoj sed ankaŭ intertempe en la najbarajn landojn por gajni batalspertojn. Ĉiam ili devas kunpreni interpretiston, per kia uzo la elspezoj estas plialtigitaj, la utilo por la kunestantoj pli malgrandigita. Nur malofte regas la interpretisto la alian lingvon tiel plene, ke li povas klarigi la laste viditajn sportajn delikatajojn, kaj tiam li nur estas unu por tuta vico da anoj bezonantaj lin, kaj li ĉiam kaj ĉie devas esti preta por respondo kaj klarigo. Kaj ne pensu je demandoj pri kutimoj kaj moroj, kiuj ne tuŝas la sporton tamen interesas la atentan observanton, sed nur povas esti respondataj de plenadepto. Ĉia sportano, kiu volas ĉerpi plenan propran kaj sportan utilon el fremdlandvojaĝo nepre devas lerni Esperanton. Almenaŭ oni devas postuli tion de la instruistoj gimnastikaj, kutimaj gvidantoj de la sportaj unuiĝoj, kaj tial devas esti fondota Esperanta fako de la lernejoj kaj altlernejoj por korpa edukado en la diversaj landoj.

Atingi tion, estas ebla, se la samideanoj celkonscience prilaboros la nacian sportan gazetaron.

*Geo Schmidt.*
*Kleinglienicke* (Teltow).

---

LIBERAJ OPINIOJ

## Sklava Gazetaro

*La lasta verko de Upton Sinclair*

La „Brass Check" (Studo pri Amerika Ĵurnalismo)[1] estas libro de tia grandega socia signifo, ke ĉiu leganto de la angla lingvo devus nepre ĝin legi. En ĝi la kuraĝa aŭtoro atakas modernan drakon multe pli potencan kaj timindan ol ĉiuj drakoj de la mitologio — nome, la mensogeman gazetaron de sia lando. Per unu sola batalilo armite, li iras al la atako; sed lia batalilo estas la torĉo de l' vero, kiu kun la tempo nepre vekos la homaron dormantan. La libro estas plenplena je faktoj atestantaj pri la putra stato de la gazetaro, kiu inside venenas la mensan nutrajon de tiom da milionoj da homoj.

Estas strange, ke Upton Sinclair estas multe pli ŝatata eksterlande ol en Usono. La leganto de ĉi tiu volumo tuj konstatos la kaŭzon, komprenante, ke li, kiel aliaj, estas viktimo de konstanta falsprezentado al la publiko. Efektive estas ĉiam ankoraŭ vere, ke „profeto ne havas honoron en sia propra lando". Upton Sinclair trafis famon per publikigo de artikoloj montrantaj la kondiĉojn, sub kiuj vivas laboristoj en la buĉejoj de Chicago. Per sia libro la „Jungle", li diris ke li celis la koron de la publiko, kaj trafis — ĝian stomakon! Per tiu libro li atingis la famon, sed oni legos kun miro en la unua duono de la „Brass Check" kiamaniere la Usona gazetaro ne nur bojkotas ĉiun lian publikaĵon, sed ankaŭ inside kalumnias lin en ĉiu ebla okazo. Ekzemple, en 1914 la fama literaturisto George Brandes vizitis Usonon, kaj al intervjuisto rimarkigis, ke li trovas legindaj tri usonajn romanistojn: Frank Norris, Jack London kaj Upton Sinclair.

[1] Eldonita de la aŭtoro, Upton Sinclair, Pasadena, Kalifornio, Usono; prezo 1 dolaro tole, 60 c. papere, plus poŝtkosto.

Ĉiu novjorka gazeto, krom unu, citis la rimarkon de D-ro Brandes kvazaŭ li diris, ke li trovas legindaj *du* usonajn romanistojn: Frank Norris kaj Jack London. Tute ne sentenca „glito de la plumo"!

Ofta taktiko de la gazetaro estas gardi la silenton pri gravaj okazoj. Ekzemple, 11,000 ministoj strikis en Colorado. La striko daŭris multajn monatojn. En publika kunvenego, antaŭ tri mil personoj, okul-atestantoj priskribis tute neprovokitan atakon kontraŭ la ministoj kaj iliaj familioj faritan de „gunmen" (pafilistoj). La venontan matenon tre mallonga informo aperis en nur *unu* el la novjorkaj gazetoj, ne kalkulante la socialistaj. La problemo, kiu prezentis sin al Upton Sinclair estis, kiel disrompi ĉi tiun konspiron de silento. Li do elpensis tute novan rimedon! Li kaj kelkaj aliaj konataj homoj paradis ekster la oficejo de Rockefeller (la posedanto de la minejoj kie la striko okazis). La demonstrantoj nur marŝis tien kaj reen, tute rifuzante paroli. Pro tio amaso alkunvenis, kaj la demonstrantoj estis arestitaj! Tio efikis, krei sensacion, kaj la gazetoj jam ne povis ignori la strikon; sekve Upton Sinclair povis, de el la malliberejo, eldoni kolonon post kolono de strik-novaĵoj, diktante al ĵurnalistoj. Komentarias Sinclair: „Tute simpla afero, vi rimarkas! Vi nur lasas vin aresti, kaj tuj la konkretaj muroj fariĝas fluiloj por novaĵoj."

Pri la maniero, en kiu la posedantoj de gazetoj, la reklamistoj en la gazetoj, kaj la grandaj monopolistaj korporacioj influas la tendencon de la gazetoj, oni legas en ĉi tiu verko multajn faktojn; ankaŭ kiel oni fabrikas kaj dissemas skandalojn por subfosi la reputacion de progresemuloj. Foje, la pafiloj de iu gazeto estas turnitaj kontraŭ rivala gazeto aŭ eĉ kontraŭ urbo. Unu gazetposedanto tenadis indekson de viktimoj, kaj en tiu indekso estis la nomo de la urbo Santa Barbara. Kiam ajn tertremo skuis regionon en Kalifornio, estis strange, ke — laŭ tiu gazeto — ĝi nur trafis Santa Barbara. La motivo estis, ke tertremo malaltigas tervalorojn.

Pri la influo de la reklamistoj, la aŭtoro diras: „Finance parolante, niaj grandaj gazetoj kaj popularaj ĵurnaloj hodiaŭ dependas pli de siaj reklamistoj ol de la legantoj. Tute ne estas cinikismo, sed nur konstato de fakto, diri ke gazeto aŭ populara ĵurnalo estas artifiko por submeti antaŭ la publiko konkurantan reklamaĵon, kaj la legaĵo servas nur kiel logaĵo por konduki la publikon al la hoko".

Unu el la plej gravaj ĉapitroj en la libro estas tiu pri Rusio. Kiu ajn mensogo estis sufiĉe bona por falsprezenti la staton de aferoj en Rusio. La malvera famo pri la naciigo de la virinoj, kvankam oficiale neita, estas, laŭ Upton Sinclair, kredata de naŭ el dek personoj en Usono, dank' al la militado de mensogemo kondukata de la gazetaro en Usono.[1]

Mi estas forte tentata citi pli multe el la libro, sed la redakcio plendos pri la spaco. Ĉiu leganto de la angla lingvo akiru ĝin.

*P. J. Cameron.*

[1] Estus juste aldoni, ke ne nur en Usono, sed en multaj aliaj landoj la ĉefa gazetaro apartenas al potencaj nevideblaj mastroj uzantaj ĝin por defendi siajn interesojn kaj batali kontraŭ homa progreso. — *(Red.)*

---

## ✿ NOTOJ ✿

.·. **La nemova kalendaro.** — La jaro 1922 komencos per dimanĉo. Tiu momento estus do tre konvena por enkonduki sen ĝeno la nemovan kalendaron, kiun jam antaŭ kelkaj jaroj proponis la holanda profesoro D-ro *Klöppen*. La gregoriana kalendaro kun siaj 12 monatoj kaj 52 semajnoj formas la bazon. La jaro konsistas el kvar kvaronjaroj, kiuj tute egalas unu la alian. Ĉiu kvaronjaro

komencas per dimanĉo kaj finiĝas per sabato. La unua monato kvaronjara havas 31, la du aliaj 30 tagojn. Tio estas $4 \times 91 = 364$ tagoj. La lasta tago de l' jaro, la 365a, ne havas semajnan nomon, sed nomiĝas *fintago* (germane: Schlusstag, Silvester, france: findi). En superjaro aukaŭ junio ricevas 31an tagon, nomatan *supertago* (germane: Schalttag, france: intercaldi). Ĉar en la kristana mondo la Kristnaska festo estas en la lasta semajno de decembro, kaj la festo de Petro kaj Paŭlo en la lasta semajno de junio, tiuj du semajnoj, kvankam oktagaj, ne havas pli ol ses labortagojn. Tre dezirinde estus ankaŭ, se samtempe kun la enkonduko de l' nemova profana kalendaro ankaŭ la mova eklezia kalendaro estus fiksata. Oni povus atingi tion, fiksante Paskon je la 1 aprilo, simile kiel oni agis en la jaro 338 p. K. pri la ĝis tiam ankaŭ mova Kristnaska festo. Ne ekzistas grava kaŭzo lasi la Paskofeston mova. — Jen afero, kiun devus prilabori la Ligo de la Nacioj. — *K. B.*

.·. **XVIIIa Kongreso de Libera Penso en Praha.** — Antaŭ kelkaj monatoj okazis en Praha, en la belegaj salonegoj de la Komunuma Domo, la XVIIIa tutmonda kongreso de Libera Penso. La nombro de la aliĝintoj transpaŝis 3000, inter ili pli ol 50 fremdlandanoj. La kongreso estis solene malfermita per ludo de ambaŭ ŝtataj himnoj (ĉeĥa kaj slovaka) je la grandega orgeno en la vastega ĉambrego de Smetana, en kiu — kiel ni firme esperas — okazos ankaŭ nia dektria kongreso. La agadon de la plenaj kunsidoj direktis la parlamentano D-ro Th. Bartoŝek, ĉefa reprezentanto de liberpensula movado en Bohemio. Diversaj demandoj estis pritraktataj en kelkaj specialaj komisionoj, kies akceptitaj rezolucioj estis legataj en la sekvanta plena kunsido. Vico da paroladintoj, inter ili kelkaj parlamentanoj kaj senatanoj, prezentis tre belajn kaj interesajn raportojn. La kongreson ĉeestis ankaŭ la tiama ministro de publika instruado kaj nacia klereco S-ro G. Habermann, kiu parolis pri proksima efektiviĝo de plena disigo de eklezioj kaj ŝtato en la ĉeĥoslovaka respubliko. En la programon estis enŝovita ankaŭ la vizito de Konopiŝtě, fama kastelo de la mortigita Francisko Ferdinando.

El la proponoj prezentitaj al la kongreso, speciale nin interesas tiu de S-ro R. Hromada, sekretario de Esperantista Klubo en Praha: Esperanto estu enkondukita kiel unusola oficiala lingvo de ĉiuj estontaj kongresoj de Libera Penso. Sed tuj post la tralego de tiu ĉi propono leviĝis unu el la francaj reprezentantoj kaj proponis en nomo de la franca Libera Penso la francan lingvon por ĉi tiu celo. La ambaŭ proponoj estis — laŭ deziro de la prezidanto — fordonitaj al la ĝenerala konsilantaro „por plua detala studado"!...

La franca propono nepre meritus specialan analizon de diversaj vidpunktoj; sed ni limigas nin nur je simpla demando: Ĉu niaj francaj samideanoj-liberpensuloj aprobas ĝin?! — *Voĉo.*

.·. **Nova radiumaktiva mineralo.** — La Japana scienculo Yohahiro Okamoto priskribas radiumaktivan mineralon, kiu ĉefe estas miksaĵo de sulfuracida plumbo kaj bariumo sulfuracida. Ĝi formas brunetajn ĝis blankajn kristalajn krustojn, sidiĝintajn sur andesinsablaĵoj el varmegaj fontoj. La krusta supraĵo konsistas el grandaj rombaj tavoloj kun piramidebenaĵoj. Laŭ la regiono, kie la mineralo estas trovita (Hokuto), oni nomis ĝin Hokutoliton; ĝia specifa pezo estas 6,1, la malmoleco ĉirkaŭ 3,5. — *Otto Marquard.*

.·. **La tatuado** fariĝas moda en Britio, diras tatuisto instalita en London. Ne nur kutimaj klientoj, kiel maristoj kaj manlaboristoj, sed ankaŭ nobeloj, pastroj, kuracistoj kaj artistoj enpikigas desegnaĵojn sur sia haŭto. La preferataj dekoraciaj modeloj estas drakoj, patriotaj emblemoj, societaj ŝildoj, papilioj, serpentoj, simboloj de fideleco.

La tatuartisto diras, ke tiu modo povas esti utila, ĉar dank' al tatuaĵoj li sukcesis identigi viron droninta en la haveno de New York. Li aldonas, ke bela tatuaĵo sur la brakoj anstataŭas la plej belajn juvelojn kaj kostas malpli multe. Interese estas, ke ĉiu povas malmultekoste markigi sin per signo simbolanta sian profesion aŭ emon: pesilo por la juĝistoj, enspruĉigilo por la farmaciistoj, porkakapo por la porkaĵistoj, ŝnurdancisto por la politikistoj, kameleono por la idistoj kaj egipta mumio por la amantoj de „ujo". — *R. B.*

.·. **Pri la senlaboreco en Lyon.** — Ofte okazas, ke Esperantanoj el diversaj landoj skribas al la Lyon'a Delegitaro de UEA por peti oficon aŭ laboron en nia regiono. Al ili ni respondas, ke laŭeble ni klopodos laŭ ilia deziro (kaj tro malofte ni sukcesis), sed ni insiste petas, ke ili ne alveturu antaŭ ol esti ricevintaj de ni certigon pri dungiĝo. Bedaŭrinde, ĉiuj Esperantanoj, malpli prudentaj kaj tro riskemaj, alvenis ne petinte informojn, kaj pro nepra manko da monrimedoj postuli tujan dungiĝon; al ili, ĉefe dank' al sindonemo de S-ino Farges, direktorino de la Esperanto-Oficejo, ni povis havigi almenaŭ provizoran okupon; sed tiucelaj klopodoj estas tre malfacilaj (kaj eĉ malagrablaj). Pro tio ni devas averti niajn samasocianojn, ke ni eble ne povos ilin certe kontentigi.

Mi ja konscias, kaj scias, kiel malfacilaj povas esti la vivkondiĉoj en diversaj Eŭropaj ŝtatoj, kie oni prezentas nun Francion kiel „paradizon". La vero estas tamen iom alia. Mi certe ne estas kompetenta por juĝi la ekonomian situacion en tuta Francio, kaj mankas al mi necesaj dokumentoj. Sed mi estas, sperte, precize informita pri la situacio en Lyon kaj en Sud-Orienta Francio. Tiuj notoj instruu la interesatojn.

Krizo de senlaboreco, kiu jam de pluraj monatoj regas en Lyon'aj industrio kaj komerco, kaj kiu, komence, ne ŝajnis esti daŭronta, ĉiam pligraviĝas. Kvankam ne ĉiuj kompetentuloj samopinias, mi kredas, ke ĝi daŭros kaj eĉ etendiĝos kaj intensiĝos. Kelkaj optimistoj esperas, ke dum proksima printempo negoco pliviglîĝos kaj ĝenerale laboro plimultiĝos; ĉar ili antaŭvidas diversajn favorajn signojn: sentebla malplikariĝo de l' krudaj ŝtofoj, plireguliĝo de l' transportoj, k. a., tiel pliboniĝus la nuna situacio, iom maltrankviliga.

Kio ajn okazos, ni konstatu tion, kio okazis. Ĉar ĉies prezoj estis atingintaj nesupereblajn limojn, publiko aĉetis kiel eble plej malmulte, komerco ne plu mendis, kaj industrio produktis nur menditaĵojn. Tio ne signifas, ke mankas en nia lando manufakturitaj objektoj, ĉar, bedaŭrinde, iuj troprofitemaj negocistoj amasigis stokajn provizojn kun la espero, ke ilia valoro daŭros plialtiĝi. Sed el tiuj faktoj baldaŭ rezultis senlaboreco.

La nunaj suferintoj de tiu senlaboreco estas la laboristoj-nespecialistoj kaj la braklaboristoj; inter ili jam estis multaj fremduloj. Maldungitaj kaj neredungitaj, ili veturis al la regionoj de Francio ruinigitaj dum la milito, kien ilin logis ŝatindaj proponoj. Aliaj, familie ligitaj en nia urbo, ne povis forvojaĝi; kelkaj uzinoj kaj urbestraraj konstruejoj ilin okaze kaj provizore okupis; sed inter tiuj senlaboruloj, multaj, malgraŭ sia deziro labori, ne estis kapablaj subite fariĝi terfosistoj.

Al tiuj braklaboristoj, specialistoj aŭ nespecialistoj, baldaŭ iom post iom sin adiciis bonaj faklaboristoj, ankaŭ maldungitaj. En silkindustrio (historia en nia urbo) estas proporcie malmultaj senlaboruloj; tamen multaj firmoj limigis la laboron je 40 horoj semajne, kaj pluraj devos baldaŭ limigi je 36 horoj; eĉ nun en apreturejoj kaj tinkturejoj, je 30 horoj semajne. En kotonindustrio kaj katunfabriko ĉirkaŭ Lyon, la situacio estas preskaŭ simila. En ŝufabriko, 60 % inter la laboristoj estas maldungitaj; en vestfabriko, 80 % (precipe por konfekcio); en tulfabriko, 70 %. En metalurgio (Lyon estas la dua metalurgia centro de Francio) la senlaboruloj estas miloj kaj miloj. Antaŭ kelkaj semajnoj oni povis timi, ke iuj famaj aŭtomobilfabrikejoj bankrotus; feliĉe, ne. En ĥemiaj industrioj (tiuj de Lyon estas la plej gravaj en Francio) la firmestroj penas daŭrigi la laboradon. En konstrumetioj, la laboristoj ne tiom suferas; masonistoj kaj murŝmiristoj malmulte estas maldungitaj.

Sed komercoficistoj, kiuj ĝenerale gajnas multe malpli ol laboristoj, ne povas trovi novan oficon.

Konsideru ankaŭ, ke neniam pli kare kostis simpla neluksa vivado.

En tiuj kondiĉoj, firmestroj kaj laborestroj ne ŝatas dungi fremdajn laboristojn, kiujn ili ja ne volas favori kompare kun siaj samlandanoj. Ni do insiste admonas, ke fremdaj laboristoj ne alvenu nun en Lyon. — *L. P.*

# LITERATURO

## Estu benata ...

Hinda legendo de **Henryk Sienkiewicz**[1]

Foje, dum hela, luna nokto, saĝa kaj granda Kriŝna enprofundiĝis en pensoj kaj diris:

— Mi pensis, ke homo estas la plej bela kreaĵo sur la tero — kaj mi eraris. Jen mi vidas floron de lotuso, lulatan per nokta blovo. Kiom pli bela ĝi estas ol ĉiuj vivantaj estaĵoj: ĝiaj folietoj malfermiĝis ĵus je la arĝenta lumo de la luno — kaj mi ne povas deŝiri okulojn de ĝi ...

— Jes, inter homoj ekzistas nenio simila! ripetis li kun sopiro. Sed post momento li pensis:

— Kial mi, Dio, ne povus per potenco de l' vorto krei estaĵon, kiu estus tio inter homoj, kio lotuso inter floroj? Estu do tiel por ĝojo de l' homoj kaj de la tero. Lotuso, ŝanĝiĝu en vivanta junulino kaj stariĝu antaŭ mi.

La vualo ektremis tuj mildete, kvazaŭ ekpuŝita per flugiloj de l' hirundo, la nokto heliĝis, la luno eklumis pli hele sur la ĉielo, ekkantis pli laŭte, kaj eksilentis subite, noktaj turdoj. Kaj la sorĉo plenumiĝis: antaŭ Kriŝna ekstaris lotuso en homa formo.

La idolo mem miris.

— Ci estis floro de la lago — diris li — de nun estu floro de mia penso kaj ekparolu.

Kaj la junulino komencis paroleti tiel mallaŭte kiel murmuras blankaj folietoj de lotuso, kisataj per somera bloveto:

— Dio! Ci ŝanĝigis min en vivanta estaĵo. Kie ci ordonos, ke mi ekloĝu? Memoru, ho Dio, ke, kiam mi estis floro, mi tremadis kaj kaŝadis folietojn ĉe ĉiu ekspiro de vento. Mi timis, ho Dio, pluvegojn kaj ventegojn, mi timis tondrojn kaj fulmojn, min timigis eĉ bruligantaj radioj de la suno. Ci ordonis, ke mi estu personigo de lotuso, mi do konservis malnovan naturon, kaj nun mi timas, ho Dio, teron kaj ĉion, kio estas sur ĝi ... Kie do ci ordonos loĝi al mi?

Kriŝna eklevis saĝaj okuloj al steloj, momenton pensis, poste demandis:

— Ĉu ci volas sur monta supraĵo?

— Tie kuŝas neĝoj kaj estas malvarme, ho Dio, mi timas.

— Do ... Mi konstruos al ci palacon el kristalo sur la fundo de lago.

— En akvaj profundaĵoj rampas serpentoj kaj aliaj monstroj: mi timas, ho Dio!

— Ĉu ci volas stepojn sen fino!

— Ho Dio! blovegoj kaj ventoj tedas stepojn, kvazaŭ sovaĝaj landoj.

— Kion mi do faros kun ci, floro enpersonigita? Ha! En grotoj de Elloro vivas sanktaj soluloj ... Ĉu ci volas ekloĝi malproksime de mondo en la kaverno?

— Malhele estas tie, ho Dio: mi timas.

Kriŝna sidiĝis sur ŝtono kaj apogis kapon sur la mano. La junulino staris apud li tremanta kaj timigita. Tagiĝo komencis dume lumigi ĉielon en oriento. Oriĝis laga profundaĵo, palmoj kaj bambusoj. Ĥore aŭdiĝis rozaj ardeoj, bluaj gruoj kaj blankaj cignoj sur akvoj, pavoj kaj bengalioj en arbaro, kaj akompane disiĝis sonoj de kordoj, alligitaj je la perla konko kaj vortoj de homa kanto.

Kriŝna vekiĝis el la medito kaj diris:

— Jen la poeto Valmiki salutas sunleviĝon.

Post momento disiĝis kurtenoj de purpuraj floroj, kovrantaj lianojn kaj super la akvo aperis Valmiki.

Ekvidinte personigitan lotuson li ĉesis ludi. La perla konko elŝoviĝis malrapide el lia mano teren, la brakoj malleviĝis laŭlonge de femuroj, kaj li ekstaris muta, kvazaŭ granda Kriŝna ŝanĝigis lin en superakva arbo.

Kaj idolo ĝojis pro tia miro antaŭ lia propra faro, kaj diris:

— Vekiĝu, Valmiki, kaj ekparolu.

Kaj Valmiki ekparolis:

— ... Mi amas! ...

Nur tiun solan vorton li memoris, kaj nur tion li povis eldiri.

Vizaĝo de Kriŝna ekradiis subite.

— Mirinda junulino! Mi trovis por ci indan lokon en la mondo, ekloĝu la koron de poeto.

Valmiki ripetis duafoje:

— ... Mi amas! ...

Volo de la potenca Kriŝna, volo de Dio komencis forpuŝi junulinon al poeta koro.

Dio ankaŭ faris koron de Valmiki travideblan kiel kristalo.

Serena kiel somertago, kvieta kiel velo de Gangeso eniradis junulino destinitan por ŝi restadejon. Sed subite, kiam ŝi pli profunde ekrigardis koron de Valmiki, ŝia vizaĝo paliĝis, kaj timo ĉirkaŭblovis ŝin, kvazaŭ malvarma vento.

Kaj Kriŝna miris.

— Floro enpersonigita — demandis li — ĉu ci timas ankaŭ poetan koron?

— Ho Dio — respondis junulino — kie ci ordonis ekloĝi al mi? Jen, en tiu ununura koro mi ekvidis neĝajn supraĵojn de montoj kaj akvajn profundaĵojn, plenajn je diversaj estaĵoj, kaj stepon kun blovoj kaj ventegoj kaj malhelajn grotojn de Elloro; mi do timas denove, ho Dio!

Sed bona kaj saĝa Kriŝna diris:

— Kvietiĝu, floro enpersonigita. Se en la koro de Valmiki kuŝas solecaj neĝoj, ci estu varma printempa spiro, kiu ilin fluidigos; se estas malpleneco de stepo, semu en ĝi florojn de feliĉo; se estas grotoj de Elloro, estu sunradio en tiu malheleco.

Kaj Valmiki, al kiu dume revenis parolpovo, aldonis:

— Kaj estu benata!

El lingvo pola tradukis:
*Vladislav Mergel* (Warszawa).

[1] Tutmonde fama pola verkisto (mort. 1917). Aŭtoro de „Quo Vadis".

---

## SVEDAJ LEGENDOJ

Esperantigitaj de *Leander Tell*

## La kato de Nordhult[1]

El *Småland*

En Idre, parto de la departemento, estas grandaj misteraj arbaregoj, kuriozaj montaĵoj kaj multaj lagoj. En tia pejzaĝo la homoj kompreneble kredas, ke devas ekzisti ĉiaj sorĉaĵoj, kaj oni tial povas rakonti multon da fabeloj kaj mitoj. Inter la multaj rakontaĵoj mi citu la jenan:

Ĉe la bieno de Nordhult la loĝantoj ĉiunokte estis maltrankviligitaj de sorĉaj estaĵoj, kiuj blekis kiel katoj. Neniam tio ĉesis, kaj la homoj tial devis transloĝiĝi en aliajn lokojn ĉirkaŭ la bieno. Nur senforta maljunulo restis hejme.

Iun tagon fremdulo kondukanta urson alvenis kaj petis loĝi dum la nokto en la domo. La maljunulo volonte bonvenigis kaj regalis lin. Dum la vespera manĝo li rakontis pri la sorĉaĵoj, sed la fremdulo diris, ke li tute ne timas ion ajn. Poste li enlitiĝis kaj la urso kuŝiĝis apud la lito.

Meze en la nokto la ĉambro subite estis plenigata de granda nombro de kuriozaj estaĵoj, kiuj faris fajron sub kaldronego, en kiu

[1] Elpar. Nordhult, sign. Norda arbareto.

ili verŝis akvon kaj ĉiajn rampantajn bestojn, serpentojn, lacertojn, ranojn k. t. p. Kiam la supaĉo estis preta, la koboldoj sidiĝis ĉirkaŭ la tablon kaj komencis manĝi. Unu el ili do iris al la fremdulo demandante, ĉu li volas gustumi fiŝon. La viro koleriĝis je tia senhonteco kaj instigis la urson sur la malbelan estaĵon. Post unu frapo de la ursa piedo ĝi krevis. Teruritaj kaj timantaj la aliaj koboldoj tuj forkuris, sed post momento la ĉefkoboldo sin montris en la porda truo provante la viron timigi. Tiu-ĉi tamen instigis sian fortan amikon ankaŭ sur tiun malbelulon, kiu devis kuri, poste sin neniam remontronta. Nun la trankvilo kaj kvieto restis en la bieno. La homoj ne sciis sufiĉe danki la kuraĝan fremdulon. Tiu restis dum iu tempo ĉe ili lernante, kiel ili povas savi sin kontraŭ sorĉo per krucoj el ligno, kiuj laŭ lia ordono estis metataj ie kaj ie inter la bienoj.

Post sep jaroj Nordhulta loĝanto vizitis Norrköping[1] kaj kiam li tie estis farinta, kion li devis, li en la vespero renkontis fremdulon demandantan, kie estas lia hejmo. Aŭdinte, ke la viro estis el Nordhult, la fremdulo diris:

— Jen ni estas ja najbaroj.

Li proponis, ke la nordhultano hejmenrajdu kune kun li sur lia granda nigra ĉevalo. La hubulo dankis, kaj la vojaĝo komencis. Jen kia rapidego estis! Subite la ĉevalo erare paŝis, kaj je la skuo la nordhultano preskaŭ defalis. La fremdulo tiam diris:

— Estas tre bone, ke vi ne defalis, ĉar estis la pinto de la turo de l' katedra preĝejo de Linköping[2], kiun mia ĉevalo ne vidis en la mallumo.

Poste li aldonis:

— Antaŭ sep jaroj mi estis en Nordhult kaj tiam ekzistis tie granda terura kato. Ĉu ĝi ankoraŭ vivas?

Tiam la viro komprenis kun kiu li vojaĝis, kaj li tuj respondis:

— Jes vere, kaj ĝi nun havas idojn, kiuj estas sepoble pli teruraj!

Post momento ili estis apud Nordhult, kaj la rajdanto adiaŭigis la viron dirante:

— Multajn salutojn al via kolera kato kaj ĝiaj idoj!

Jen la mito. Fakte estas, ke hodiaŭ oni trovas ie kaj ie en la pejzaĝo de Nordhult iujn antikvajn lignajn krucojn, kiujn la hubuloj ameme prizorgas.

---

# Giganto Fin

*El Skåne*[3]

Lundo, la suda universitata urbo de Svedio, havas belan katedran preĝejon. Sed domaĝe tiu preĝejo ŝajnas neniam fariĝi tute preta, ĉar ĉiam oni devas ion ripari tie. Almenaŭ dum la ses jarcentoj, kiuj forpasis post la fondo, la preĝejo neniam estis tute pretkonstruita. Laŭ antikva legendo ĝi certe ankaŭ restos tiel eterne.

En Helgonabacken[4] ĉe Lund loĝis giganto. Kiam tiu ekaŭdis, ke kristana monaĥo Sankta Laŭrento el Saksio venis al Svedio por prediki la Dian evangelion, li mokis lin dirante, ke la monaĥo ja ne havas alian templon, en kiu fari la diservon ol en la naturo.

Via Dio certe devas havi templon, se via prediko estas vera. Mi mem faros al li la preĝejon, se vi post ĝia pretiĝo scias mian nomon. Se ne, vi devas doni al mi la du grandajn lumojn de la ĉielo.

La sanktulo diris, ke tio estas neebla, ĉar Dio metis sur la ĉielon tiujn lumojn, por ke ili ĉiam lumu super bonuloj kaj malbonuloj.

Post tiu klarigo la giganto postulis, ke la monaĥo do donu al li siajn okulojn.

— Ho jes, ho jes, se nur vi konstruos la templon, mi volonte volus fordoni miajn okulojn, ĉar la krista evangelio ankaŭ povas esti predikata de blinda homo tiel bone, kiel de vidanto.

Ili poste interkonsentis pri loko por la preĝeja konstruaĵo, kaj la giganto tien venis kun tuta monto sur la ŝultroj, kiun li frakasis sub la piedoj. Unue li konstruis similan kripton kiel lia propra loĝejo kun belaj arkaĵoj apogitaj per fortaj kolonoj. La muroj pli-altiĝis rapide, kaj post nelonga tempo la giganto sidis sur la preta tegmento. Li kantis gaje kaj kontente. Fine nur unu ŝtono plej alte sur turo mankis.

— Forte mi laboris, malmulto mankas. Antaŭ la sunsubiro la monaĥo al mi devas la okulojn doni, ĉar certe mian nomon li ne trovos — kaj laŭte li ridis.

Sur la monteto de l' Sanktuloj Laŭrento malĝoja staris rigardante la sunon. Li nun vere sentis la grandecon de lia ofero sed ankaŭ pripensis la ĉielan rekompencon, kiu lin atendis tie supre. Subite li aŭskultis el la internaĵo de la monteto gigantinan voĉon, kiu kantis:

Dormu do, infanoj miaj,
Revu en luliloj viaj;
Dormu Selvo, mia fil',
Dormu bone en trankvil'.
Paĉjo Fin nun sur altaĵon
Metas belan konstruaĵon.

Dormu do, infanoj miaj,
Revu en luliloj viaj.
Dormu Gerto, filinet',
Dormu bone en kviet'.
La okulojn de l' kristano
Vi ricevos ja, infano.

Dormu do, infanoj miaj,
Revu en luliloj viaj.
Dormu Selvo do ĉe mi,
Ankaŭ Gerto, dormu vi'.
Paĉjo Fin ja baldaŭ venos
Kaj ludilojn li kunprenos.

Nun la sanktulo sciis la nomon de la giganto. Li rapide kuris al la preskaŭ preta templo kriante de ĝojo:

— Fin, Fin, nun mi scias nomon vian, venu malsupren nun. Nur sola ŝtono mankas, kiun mi mem tien metos. Dio savis miajn okulojn. Venu malsupren, Fin!

Aŭskultinte la ĝojan ekkriojn, Fin koleriĝis terure kaj ĵuris, ke la preĝejo ĉiam restu malpreta. Li poste malsuprenkuris en la kripton kaj ĉirkaŭprenis la ĉefkolonon por faligi la templon. Sed Dio tion ne permesis. La forto de la giganto ne sufiĉis, nek la helpo de lia edzino alkurinta kun la malgranda Gerto en la brakoj. Ili ŝtoniĝis iom post iom, kaj hodiaŭ oni rigardas en la kripto de la katedra preĝejo de Lund la gegigantojn ŝtoniĝintajn.

---

# La anstataŭita falĉilo

*El Småland*

En Åspemoen troviĝis kiel rakontite multe da sorĉistaj estaĵoj. Multon oni tie povas rakonti pri tiu temo. Kelkfoje la koboldoj ankaŭ povis esti humoremaj, kiel oni trovos en sekvanta fabelo.

Viro foje iris falĉanta sur kampo. Subite nekonata virino venis kaj diris:

— Mi volas al vi doni pli akran falĉilon.

La viro kompreneble fariĝis tre ĝoja kaj ricevis la promesitan novan ilon, sed unue li devis ĵuri, ke li ne rigardos la falĉilon, kiam ĝi hakas ŝtonon, ĉar la tranĉa rando de ĝi nur estos bona sen homa rigardo. Anstataŭ la nova ilo la virino ricevis la malnovan kaj foriris.

Komence ĉio iris perfekte, sed post iom da tempo la viro hakis ŝtonon kaj laŭ kutimo li ekrigardis la tranĉrandon, forgesinte la ĵuron. Kion li ekvidis? Li nur havis kurban kornon de ŝafoviro en siaj manoj, kaj li aŭdis ridegon gajan el la proksima arbaro.

---

[1] Elpar. Nórĉepinĝ, sign. Urbeto apud lagkolo. Norrpöping estas la plej granda urbo de la dep Östergötland (elp. Ester-jetland, sign. Orienta got-lando).
[2] Elpar. Linĉepinĝ, la ĉefa urbo de Östergötland.
[3] Elpar. Skone.
[4] Elpar. Hélgona-baken, signifas Sanktula monteto.

# Harut kaj Marut

Poemo de **Jaroslav Vrchlicky**

Jaroslav Vrchlicky (*ch* legu *ĥ*) estas pseŭdonimo de Emil Frida, la plej granda poeto de la ĉeĥa nacio (1853—1912). — Tiu ĉi poemo aperis en la libro „Fresky a gobeliny" (1891).

*Post kiam venkis Salomon la tutan diablaron,*
*La stelojn kunkalkulis jam kaj traesploris maron,*
*La saĝa Saba regnestrin', kaptita de admiro,*
*Alflustris per mallaŭta voĉ' al li ĉe la disiro:*

*„Satanon, Dion: ĉion jam vi do ekkoni povis —*
*La arbon de la vivo nur ankoraŭ vi ne trovis,*
*En kiu — apud Babilon' — sin kaŝas du anĝeloj,*
*Sciantaj pri la vivofont' kaj pri la vivoceloj.*

*„Vestita unu per mallum' — nomata estas Harut,*
*La duan kovras hela bril' — jen ties frato Marut;*
*Ĉi tiuj loĝis en ĉiel' kaj plej proksime staris,*
*Al mondokreo kiam Jus Jehova sin preparis.*

*„Komence volis la Sinjor' la homon tiel krei,*
*Ke la anĝeloj devu lin adori kaj obei,*
*Ke li fariĝu heredant' kaj vera dia filo,*
*La suno — lia diadem', la luno — apogilo.*

*„Kaj kiam ame la Sinjor' en la argilon spiris*
*Kaj ĝi komencis movi sin, Li al spiritoj diris:*
*‚Genuojn fleksu, ĉar sin mem superi volas Dio!'*
*Sed Harut ridis kun la frat' — ĉirkaŭe tremis ĉio.*

*„Ekspiris ankaŭ Harut nun kaj Marut, frato lia,*
*Kaj difektiĝis la labor' per la ekspir' enviva:*
*Duone estis do anĝel' la homo, jus kreita,*
*Duone materio nur, por ĉiam katenita.*

*„Ĉar Dion trompis tiuj du, ekkaptis Lin kolero,*
*Kaj Li ensorĉis ilin tuj en arbon sur la tero:*
*Kaj Habel sur la sama lok' per peko mortis frata,*
*Kaj poste estis Babilon' samloke konstruata.*

*„Mi diris: ĉion konas vi, ho granda Salomono,*
*Adoras kaj obeas vin tutmonda regiono —*
*Kaŝitaj tamen restas nur ĉi tiuj du anĝeloj,*
*Sciantaj pri la vivofont' kaj pri la vivoceloj."*

*Ĉi tion diris ŝi al li kaj poste forveturis.*
*La reĝo staris: stranga sent' tra koro lia kuris,*
*Lin sceptro ne ĝojigis plu, nek templo de Jehova,*
*Nek citroj kaj kantista ĥor', nek profetaĵo nova,*

*Kaj ankaŭ lia vinberej' lin ne plu interesis,*
*Eĉ sian nigran Sulamit li vizitadi ĉesis;*
*En oraj ĉambroj de l' palac, restadi li rifuzis,*
*Egiptaj dancistinoj nun lin tute ne amuzis.*

*Kaj kiam en krepusko jam Jerusalemo dronis,*
*Tuj al Banaja en sekret' regadon li transdonis:*
*Neniu do eksciis plu pri lia forpilgrimo,*
*Ke tra desertoj vagis li al Babilona limo*

*Kaj paŝis kiel almozul' de urbo al vilaĝo,*
*Demandis homojn sur la voj', ĉu ĝusta la vojaĝo,*
*Ĝis foje nokte, laca jam, li haltis sur la loko,*
*En kiu staris Babilon' en griza praepoko.*

*En malproksimo granda tur' etendis sin gigante,*
*La herbo ĉirkaŭkreskis ĝin, pro vento tremetante;*
*Je ŝtonoĵeta interspac' — apero teruriga:*
*Jen kvazaŭ brakoj montris sin branĉar' de arbo figa.*

*En orienta arboflank' la nigra sidis Harut,*
*En okcidenta arboflank' la blanka sidis Marut,*
*Kaj tie ofte tiuj du, dum la ŝakaloj plendis,*
*Malbenojn siajn al ĉiel' en nokta tempo sendis.*

*Ĉi tiun arbon Salomon mallaŭte ekfrapetis*
*— De oriento venis li — kaj jene li ekpetis:*
*„Instruu min pri l' vivo nun, mallumа vi anĝelo!*
*En kio estas ĝia font', en kio ĝia celo?"*

*Kaj el la arbo sonis voĉ' — simile, kvazaŭ kurus*
*Tra seka herbo la falĉil' kaj siblus kaj susurus:*
*„La nokto estas sola cel' de l' homa vivo vanta:*
*La mondo estas ega flor', eterne forvelkanta!"*

*Aŭdinte vortojn tiujn ĉi, la reĝo multe miris*
*Kaj tiam al kontraŭa flank' de l' arbo li transiris,*
*La saman peton diris li — kaj el interno ĝia*
*Respondis al li dolĉa voĉ', kortuŝa kaj gracia:*

*„Denove vivo estas cel' de l' vivo: jen la solvo!*
*La grenaj spikoj kreskas ja el ostoj, el la polvo,*
*La nokton venkas taga bril', eksonas ĝojo kanta:*
*La mondo estas ega flor', eterne burĝonanta!"*

*Kaj aliflanke Salomon demandis poste tion:*
*„Do kie pacon trovos ni, akordon, harmonion?"*
*Kaj el la arbo sonis voĉ': „En tombo — tion sciu —*
*Ĉar tie egaligas sin en fin' kontrasto ĉiu!"*

*Sed gaja estis la respond' el arboflanko dua:*
*„Persistu ĉiam nur sen tim' en batalado brua —*
*Kaj poste rekompencos vin pokal' da fajra vino;*
*La pacon fine trovos vi sur brusto de virino!"*

*Dum longa tempo Salomon en meditado restis*
*(Li vidis: Marut tago ja kaj Harut nokto estis):*
*„Tutaĵon formas tiuj du — jes, kune estas ili*
*Kompleta, plene tuta hom', kaj sciis min konsili!*

*„Se dum la tago brilas sun', la nokto tamen venas,*
*Eĉ meze de plej pura ĝoj' dolor' nin ekvenenas;*
*La lasta guto en pokal': jen maldolĉaĵo larma —*
*Terure povas trompi nin virino la plej ĉarma!*

*„Kaj eĉ ne povis la Sinjor' la homon tiel krei,*
*Ke la anĝeloj devu lin adori kaj obei:*
*Ĉar Harut estas kvazaŭ vir' — obstina, senkompata,*
*Kaj Marut kvazaŭ la virin' — estaĵo delikata.*

*„Ne povis Dio en la hom' kontrastojn kunkateni:*
*Jen Harut ja malhelpi Lin, jen Marut devis ĝeni;*
*Malplenan vivon havas ni, kaj devas nin instigi*
*Ĉiama penso, kiel do ni povus ĝin plenigi.*

*Nenio estas nia cel': jen prava estas Harut —*
*Sed amaj ĉarmoj ravas nin: jen same prava Marut;*
*La pacon oni trovas nur en tombo la malhela —*
*Pli dolĉe tamen al forges' virino logas bela.*

*„Se iu ĝuste en la man' la ambaŭ flankojn pesas,*
*La dolĉan ĉiam serĉas li, sed malon ne forgesas:*
*Li nokte preĝas al virin', al dioj en mateno —*
*Nek Marut tuŝas lin per mok', nek Harut per malbeno."*

*Konsilon tiun Salomon por ĉiam ekmemoris*
*Kaj sian nigran Sulamit pli ŝatis kaj adoris —*
*Sed dum per kisoj kovris li la ĉarman korpon karan,*
*Flustradis verson lia buŝ' riproĉan kaj amaran.*

Tradukis: *Miloŝ Lukáŝ.*

# Lingvaj Studoj

## Pri la vorto „bileto"

Stranga estas sorto de ĉi tiu vorto, tute internacia, kaj plenrajte Esperanta laŭ la § 15 de la Fundamenta Gramatiko. Tiu vorto uzata de la unua tempo de Esperanto, tre ordinara kaj tre ofta, ĉar ĝi estas kurante uzata en fervojoj, teatroj, policoj, institucioj diversaj... tamen ne estas oficiale akceptita, kaj ĝia ekzistado similas je vivado de unu bastardo aŭ eksteredzeca ido. Ni ne trovas vorton „bileto" en la Universala Vortaro (1894), nek en la ceteraj partoj de la Fundamento (1905), ankaŭ ĝi ne estis akceptita en la Unua Oficiala Aldono (1909), nek en la Dua O. A. (1919). Kaj tamen ĝi estas tute Zamenhofa vorto. Ĝi iĝis tiom ordinara, ke oni eĉ opiniis, ke ĝi estas diminutivo de „bilo", t. e. ke bileto estas malgranda bilo, aŭ ke bilo estas granda bileto! Mi esperas, ke justemaj samideanoj aldonos siajn voĉojn al la mia, kaj nia oficiala lingva institucio baldaŭ havigos al la kompatinda vorto pasporton por laŭleĝa ekzistado en Esperantujo, aŭ almenaŭ donos al la „bileto" eniran bileton por esti akceptita en la „Trian Oficialan Aldonon". *P. Stojan.*

## Studento kaj profesoro

Tiuj du vortoj posedas en multaj landoj diversajn sencojn. Ekzemple *studento* signifas en la plej multaj landoj persono, kiu studas ĉe Universitato (altlernejo) kaj Teknika altlernejo. La vizitantoj de ĉiu aliaj lernejoj estas simple *lernantoj*. Sub la titolo profesoro la francoj komprenas unue „instruisto" dume en Germanio, Aŭstrio, kaj multaj aliaj landoj la uzon de titolo *profesoro* rajtas nur universitataj instruistoj. Kun tiuj du vortoj multaj Esperantistoj faras konfuzigan uzon: gimnaziano sin nomas studento; ni tute ne dubas, ke gimnaziano studas; tamen la uzo kaj kompreno postulas, ke oni evitu tian erarigan uzon. Pli ofte oni malbonuzas la titolon profesoro; instruisto de Esperanto laŭ kompreno de multaj samideanoj tute ne estas profesoro de Esperanto. Tiu lasta havas la ideon de universitata (ŝtata) ofico. Konsilinde estas, ke en eldonotaj vortaroj oni pli precizigu tiujn du esprimojn. *H. T.*

## Pri landnomoj

Mi estas plenkonvinkita „fundamentisto", — kiu min konas persone aŭ laŭ miaj literaturaĵoj, ĉiu ĝin bone scias. Samtempe mi havas la honoron depost 1914 esti Lingvakomitatano. Do neniu rajtas suspekti min kiel „novaĵemulon" en lingvaj demandoj.

Tamen... tamen, kiam mi legis en nia „Oficiala Gazeto„ (N-ro 75, paĝa 147) la deziresprimon de la Paris'a Konferenco (21—25 septembro 1919). „ke la redaktantoj de gazetoj kaj oficialaj eldonaĵoj ne enkonduku la uzon de *io* anstataŭ *ujo* sen oficiala decido de la Lingva Komitato", — mi estis iom malagrable impresita.

Mi bone komprenis, ke la deziresprimo koncernas speciale la gazeton „Esperanto" kaj la uzon de *io* en landonomoj.

Antaŭ mi stariĝis du demandoj: 1ᵉ pri formala rajto, kaj 2ᵉ pri utileco.

Rilate la „rajton" mi tutplene samopinias kun nia tutkore bedaŭrata kaj — ho ve! — tro frue mortinta samideano Hector Hodler („Pri neologismoj" — „Esperanto", N-ro 238, p. 116), — kaj mi povas aldoni nenion al liaj argumentoj. Nun — kelkaj vortoj pri „utileco".

Mi rememoras mian sestagan restadon en Praha antaŭ la Dresden'a Kongreso. Tiam mi havis la grandan plezuron pasigi multajn horojn en viglaj interparoladoj kun tieaj samideanoj. Interalie mi demandis la tiaman prezidanton de la Praha'a grupo, S-ron Hradil, kial li kaj liaj samlandanoj diras „Bohem-*uj*-o" kaj „Morav-*io*". Li klarigis al mi, ke ekzistas bohema nacio kaj bohema lingvo, sed Moravio estas nur politike-geografia termino, ĉar moravianoj estas etnografie ĉehoj (bohemoj) kaj parolas ĉehan (boheman) lingvon, — same kiel ne ekzistas aŭstra lingvo, tial oni devas diri „Aŭstr-*io*" sed ne Aŭstr-*uj*-o". La principo ŝajnis al mi sufiĉe logike argumentita, akceptebla kaj akceptinda. Se mi ne eraras, nian interparoladon partoprenis ankaŭ la Lingvakomitatano, S-ro E. Kühnl.

Kaj, efektive, ĉu oni ne diras ankaŭ Alĝer-*io*, Siber-*io*, Sir-*io*, Argentino, Palestino, Montenegro k. c. sen uzo de la sufikso *uj*, sekvante la saman etnografie-lingvan principon? Kion do faris la redaktoro de „Esperanto"? Li ekpaŝis unu pluan paŝeton: li faris la provon *ĉiujn* landonomojn sufiksigi per *io*.

Ĉu ĝi estas nepermesebla malbonaĵo? — Mi opinias, ke — ne.

Kiam ni trarigardas la esperantan afiksaron, ni vidas, ke ĝi estas sufiĉe riĉa kaj ebligas tre delikatan kaj eĉ subtilan nuancigon de konceptoj, ofte ne eblan en naciaj lingvoj (ekzemple: riĉ-*aj*-o kaj riĉ-*ec*-o estas tradukataj france per unu sola „richesse", germane „Reichtum", ruse „bogatstvo" k. c.). Samtempe ni havas *unu* sufikson *uj*, destinitan por esprimi *tri* tute malsimilajn, diferencajn ideojn! Ĉu ĝi ne estas stranga?

Ne estas do mirinde, ke multaj, tre multaj esperantistoj preferas uzi la longajn kunmetitajn pom-*arbo* anstataŭ pom-*uj*-o, Rus*lando* anstata Rus-*uj*-o k. c., — lasante la sufikson *uj* sole por diversaj enhavujoj. La eksperimento de H. Hodler havas do sufiĉajn kialojn, lin senkulpigantajn kaj eĉ pravigantajn. Plua praktiko montros, ĉu la eksperimento estas vivopova aŭ ne. „Vox populi — vox Dei"... Tiam la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio eldiros sian definitivan decidon kaj sankcion.

Konklude mi diros nur, ke ekzistas patriotismo kaj ŝovinismo, religiemeco kaj fanatikeco, — same ekzistas fundamentismo kaj trorigorismo... Estos malbone, se oni ne diferencigos la ambaŭ.

*D-ro Andreo Fiŝer* (Tiflis)

### *Kelkaj aldonaj vortoj*

Post kiam mi estis forsendinta mian manuskripton pri la landnomoj mi ricevis de S-ro D-ro P. Corret lian afable senditan artikolon el „Franca Esperantisto" (julio, 1920) pri la sama temo. S-ro Corret skribas, *unue*, ke la propono de S-ro Gaston Moch pri enkonduko de la sufikso „*io*" por landonomoj estis jam rifuzita de la Esp. Akademio en aŭgusto 1909, kaj *due*, ke *io* jam ekzistas en Esperanto kiel nedifinita pronomo, sekve ĝi ne povas esti uzota en la alia senco.

Pri „*unue*" mi povas diri, ke „io" rifuzita antaŭ dekunu jaroj „pro gravaj tiamaj cirkonstancoj", kiel skribas S-ro Corret, povas esti akceptita nun, kiam la „cirkonstancoj" perdis sian „gravecon". Eternaj, por ĉiamaj leĝoj ja ne ekzistas, ĉio aliformiĝas kaj progresadas!..

„*Due*" en la pridiskutata afero estas la malkompreniĝo: la demando koncernas ne novan sufikson „*io*" (aŭ — pli ĝuste — „*i*", ĉar „*o*" estas substantiva finiĝo), sed pri novaj radikvortoj por landonomoj: *Franci-*, *Rusi-* k. c. Tiamaniere ni havos, ekzemple, la vortojn *Rusi*-o, *rus*-o kaj *rusi-an*-o (etnografie ne *ruso*, sed civitano de la ŝtato *Rusio*). Analogaĵojn ni jam havas en *filozofi*-o kaj *filozof*-o (filozofi-ist-o), *geologi*-o kaj *geolog*-o, *gastronomi*-o kaj *gastronom*-o k. t. p. D-ro *Andreo Fiŝer*, L. K. (Tiflis).

*Noto de la Red.:* Ni enpresis tiun ĉi leteron de sperta kaj konata Lingvo-komitatano, ĉar la Akademio devas nun restudi la tutan demandon pri landnomoj laŭ peto de 9 L. K.-anoj kaj ĝin submeti poste al voĉdono de L. K. Ni petas ĉiujn L. K.-anojn, sendi sian opinion pri la demando al D-ro Edm. Privat, 2, Chemin de Roches, Genève, kiu preparas senpartian raporton prezentotan al siaj kolegoj de la Akademio pri la propono de D-ro Zamenhof al la Lingva Komitato: „Por nomoj de landoj oni povas uzi sufikson ‚i' anstataŭ ‚uj'" (20 decembro 1907. Al la membroj de la Lingva Komitato. Tria Cirkulera Letero. Proponoj al L. K. N-ro 6) kaj pri ĝia praktika aplikado depost la rifuzo.

# XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921

*Kvina Komuniko*

**Teatra prezentado.** — Oni ludos Esperantlingve tradukitan klasikan ĉeĥan komedion „Noc na Karlštejně" (Nokto en Karlštejn) de Jaroslav Vrchlický, ĉefa ĉeĥa poeto kaj verkisto.

**Faka kunveno.** — Por sciencistoj organizas D-ro Kamarýt, Profesoro en Bratislava-Tělocvičná 3. La interesuloj pri la fakaj kunvenoj sin turnu al la ĝis nun publikigitaj organizantoj!

**Kotizaĵo.** — 25 frankoj-oro (antaŭmilita valoro) = 5 dolaroj, 12 nederlandaj guldenoj, 20 ŝilingoj, skandinavaj kronoj, germanaj markoj, 25 frankoj, liroj, dinaroj, drakmoj, pesetoj, ĉeĥoslovakaj kronoj, aŭstriaj kaj hungaraj kronoj, polaj kaj finnaj markoj k. t. p. *Pluaj samfamilianoj pagas nur 60% de la kotizaĵo. Post la 1 junio 1921 altiĝos la kotizaĵoj je 50%.*

Ĉiu pagas en sia ŝtata valuto! La sumon sendu pere de kiu ajn banko al la banko *„Bohemia" en Praha je la konto de la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto* kaj samtempe sciigu pri la aliĝo kaj monsendo la ĝeneralan sekretarion!

**Aliĝoj.** — 59. S-ro Ozzech el Inowroclaw; 60. F-ino Boon, den Haag; 61. S-ro van Doorne; 62. S-ro de Beus; 63. Hoefnagel, Rotterdam; 64. S-ro Looy, Berendrecht; 65. S-ro Leichert, Potschappel; 66. S-ro Prokop, Starkoč; 67. S-ro Sklenčka; 68. F-ino Dolanská; 69. S-ino Sklenĉkovà; 70. S-ro Fejgl; 71. S-ro Tausig; 72. S-ro Faltin; 73. F-ino Marešovà; 74. S-ro Inna; 75. S-ro Mitlehner; 76. S-ro Charvàt; 77. S-ro Ĉerny; 78. F-ino Kozovà; 79. F-ino Kopecka; 80. S-ro Freund, Hradec Kralóvé; 81. S-ro Poppe, Pardubice; 82. F-ino Veselá, Ĉ. Skalice; 83. S-ino Bergrova; 84. S-ro Berger, Moravany; 85. S-ro Nosek; 86. S-ino Noskova, Dvůr Kralóvé; 87. S-ro Cisař, Dobruška; 88. S-ro Ĉermák; 89. F-ino Rösslerovà, Usti n. Orl; 90. S-ro Baliček; 91. S-ro Adámek; 92. S-ro Keyzlàr; 93. S-ro Netval; 94. S-ro Vlček; 95. F-ino Kulhánková; 96. S-ino Keyzlarova, Ĉervený Kostelec; 97. S-ro Nýolt, Lhota za Ĉ. K.; 98. F-ino Kuĉerova, Kyšperk; 99. F-ino Týznerovà, Hořice; 100. S-ro Plank-Jabloné n. Orl; 101. S-ro Cart, Paris.

**Garantia Fundo.** — Garantiu almenaŭ 100 ĉeĥosl. kronojn! (Vidu la IIIan Komunikon!)

**Donacoj.** — Ĉeĥoslovaka komercministerio 10,000 K.; S-ro Zednik en Berlin 100 K.; F-inoj Marie kaj Nina Silbersteckenovy 100 K; iliaj lernantinoj 30 K; S-ro Harna en Holice 10 K.

**Depono de mono en Praha.** — (Vidu la IVan Komunikon!)

**Vojaĝaferoj.** — (Vidu la IVan Komunikon!)

**Adreso** por aliĝoj kaj nur prikongresaj aferoj: Aug. Pitlik, ĝenerala sekretario de la Loka Kongresa Komitato, Praha III, Nerudova 40. (Por la respondo aldonu respondkuponon aŭ naciajn poŝtmarkojn!) *Loka Kongresa Komitato.*

**Rimarkigo.** — La redakcioj estas petataj sendi ekzempleron de sia gazeto al la Loka Kongresa Komitato en Praha.

* * *

**Postkongresa vojaĝo.** — La Katolika unuiĝo Esperantista en Wien aranĝas vojaĝon Praha, Budweis, St. Valentin, Melk, Nusdorf-Wien (vaporŝipe), Graz. Precizaj informoj aperos decatempe. Sin turni al la unuiĝo: Kleeblattgasse 7/II., Wien I. Vidu ankaŭ pri la postkongresa vojaĝo tra Italio por internacia turista kunveno per Esp. sur paĝo 16 de tiu ĉi N-ro.

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri gravaj faktoj. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. Ni ne povas raporti pri tio, kion oni ne konigas al ni.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

***Innsbruck*:** La Esperanta Klubo elektis novan estraron: D-ro Blaas prez., P-ro Egger sekr. Tri kursoj. — ***Graz*:** Lastan aŭtunon la direkcio de l' burĝa (duagrada) lernejo „Paulinum" aranĝis Esp.-kursojn por la l. Nun la Landa Instrua Konsilantaro (Landesschulrat) de Stirio oficiale „ne malpermesas la ĉeeston al la lernantoj" de tiu lernejo „ĉe la tie starigita kurso por ellerni Esp.". Antaŭe la L. I. K. petis la Esp.-Societo por Stirio atesti, ĉu la 3 nomitaj instruistoj estas kapablaj instrui Esp., kion ĝi jesis rilate du. La kurso estas trijara laŭ instruplano kunmetita de l' E. S. p. St., kun du lecionoj ĉiusemajne, libervole vizitata de ĉiuj 105 l. de la 3-klasa lernejo; instruas S-roj Läufer kaj Hovŝek.

## Belgio.

***Antwerpen*:** La 24 januaro okazis parolado pri Esp. ĉe la Ligo de la Antverpenaj Diamantlaboristoj (parolis Frans Schoofs), post kiu oni decidis fondi specialan Esp.-grupon, kiu prizorgos baldaŭan organizon de kurso. Oni elektis prez.: S-ro Dankaerts, sekr.: S-ro Em. Willekens. Gvidos la kurson S-ro Jos. Swalf. Adr. de la nova grupo: Plantin-Moretuslei 68. S-ro Jaumotte komencis kurson por 12 komitatanoj de knabina postlerneja societo „Onze Meisjes" (niaj knabinoj), kiu baldaŭ malfermos alian kurson por l. de la urbaj lernejoj. — ***Liège*:** Grupo refondiĝis. Kurso en ĉambro de l' Universitato. La Belga Kongreso okazos tie Pentekoste. — ***Sclessin*:** Kurso de S-ro Bissot.

## Britio.

***Glasgow*:** Diservo la 2a dimanĉo de ĉiu monato ĉe Y. M. C. A.-Institute, Peel street, 7a vespere.

## Bulgario.

***Ajtos*:** Fondiĝis grupo. Kurso, 15 p. — ***Gabrovo*:** Grupo fondiĝis. 14 p. — ***Kirĝali*:** S-ro Tenĉev fondis grupon. 25 m. — ***Kneĵa*:** La grupo disvolviĝas kaj jam havas bibliotekon de 40 legolibroj. — ***Plovdiv*:** Kurso en komunista klubejo, 200 p. — ***Sofia*:** La leĝoscienca societo „Alekso Konstantinov" aranĝis kurson por siaj m. Kurso por blinduloj, aliaj por studentoj. — ***Tirnovo*:** Kurso de S-ro H. Baĉvarov. — ***Varna*:** Kurso kun 50 p.

## Ĉeĥoslovakio.

***Gablonz*:** La 12 dec. kunvenis la sam-anoj por festi la datrevenon de la naskiĝotago de nia majstro D-ro Zamenhof. Ĉeestis geanoj el Reichenberg kaj Tannwald. Perfektiga kurso por la kursanoj, kiuj intencas viziti la kongreson, komenciĝis la 13 januaro. — ***Kladno*:** Kurso de „Osvetovy sbor" (Kultura instruistaro) sub gvidado de S-ro O. Koĉi. — ***Leitmeritz*:** La 9 januaro okazis jarkunveno de la „Ligo de germanaj Esperanto grupoj en Ĉeĥoslovakio". Kiel 1a prez. estis reelektita S-ro Inĝ. G. Scholze (Reichenberg); 2a prez. S-ro Hell (Eger); 3a prez. S-ro Tutsch (Prag); sekr. F-ino Přihoda (Königinhof) kaj S-ro Michalek (Reichenberg); kas. Klinger (Tetschen) kaj S-ro Bruche (T.-Liebwerd). — ***Marschendorf IV*:** S-ro instruisto Patzak kaj instr. Kahl malfermis kurson por geinstruistoj. — ***Praha*:** S-ro Prof. Murath (Dux) faris propagandan paroladon en la Urania. Kurso por komencantoj komenciĝos. — ***Reichenberg*:** La sidejo de la „Ligo de germanaj Esp. grupoj en Ĉeĥoslovakio" estas por la jaro 1921 Reichenberg,

Klothildenstr. 6 II. Ĉiujn skribaĵojn bonvolu sendi al tiu ĉi adreso. — **Römerstadt:** Kurso de monaĥinestrino Florentina. 12 p. Parolado de S-ro Kudela. — **Tannwald:** La partoprenantoj de la progresinta kurso gvidata de S-ro Röhlich (Gablonz) fondis grupon. Prez. S-ro D-ro Klimek, Schumburg, N-ro 370. La intereso por nia movado estas tre granda en tiu ĉi urbo. — **Trautenau:** S-ro Prof. Starkbaum instruas en la Komunuma komerca lernejo (20 p.). S-ro Mayer (Goldenöls) propag. en Braunau, Hohenelbe kaj Arnau.

## Estonio.

**Tallinn:** E. E. A. havas pli ol 200 anojn, antaŭ unu jaron ĝi havis nur 70. Surstrata vendo de „Esperanto Triumfonta" kaj „La Esperantisto" de gazetvendisto. Preskaŭ ĉiutage lokaj gazetoj raportas pri Esp.

## Finnlando.

**Kuopio:** Kursoj de S-roj Nederström kaj Pöysti, 61 p. — **Merikarvia:** Kurso, 10 p. — **Tampere:** Kurso ĉe la poŝtista unuiĝo. 10 p. — **Turku:** Kurso de S-ro Hakanen. — **Wiipuri:** 5 kursoj. Surdmutulo A. Puölakka raportis pri Esp. en kunveno de surdmutuloj.

## Francio.

**Paris:** La Esp-istoj, m. de la franca „Touring-Club", antaŭ kelkaj semajnoj fondis grupon. Prez. Kolonelo Renard; sekr. S-ro Archdeacon. Jam ĝi kalkulas pli ol 100 m. Ĝia celo estas instigi delegitojn, hotelojn, agentejojn de turismo, k. t. p. uzi nian lingvon. Ankaŭ ĝi intencas inviti alilandajn Esp-istojn fondi similajn grupojn ĉe ilia nacia Turing-Klubo. Tiuj grupoj interrilatiĝos kaj, per ekz., decidos la T. K. mem uzi Esp.; post kiam ili estos konstatintaj la taŭgecon de la lingvo, tiuj asocioj certe laboros por ĝia disvastiĝado. La grupo de la franca „Touring-Club" enskribiĝis kiel E. E. Ĝi petas la Del. de UEA sendi sciigojn pri la diversaj organizaĵoj de turismo de ilia nacio al S-ro Archdeacon, 77, Rue de Prony, Paris 17e. La S. F. P. E. sukcesis varbi S-ron J. Gérard, prez. de la Internacia Federacio de la Naciaj Asocioj de lernantoj; li promesis proponi uzon de Esp. en la venonta internacia kongreso, kiu okazos en Praha en 1921. Li altiris la atenton al tiu demando de la prez. de la Franca Asocio, kiu ankaŭ fariĝis favora, kaj mem rekomendis Esp. al la Asocioj de la diversaj urboj de Francio. Li parolos pri Esp. en la venonta franca kongreso de lernantoj, kiu okazos en marto 1921 en Montpellier. Interesa komenco de grava movado, kiu povas esti grandigita se la Esp. naciaj societoj klopodos, por ke la Asocioj de lernantoj de ilia nacio subtenu ĉe Praha la proponon faritan de S-ro Gérard. La kunsidoj de la Pariza Grupo okazas kiel antaŭe ĉiuvendrede ĉe la Sorbonne. 21 kursoj estis organizitaj en la diversaj kvartaloj. Ago estas entreprenata antaŭ la Komerca Ĉambro de Parizo, la „Ligue de l'Enseignement", la Urba Konsilantaro, la Parlamento; tiuj agoj kontentige progresas. La Grupo ricevis varman aliĝon de la fama profesoro Aulard, kiu publikigis artikolon en „Le Petit Parisien", unu el la plej legataj gazetoj de Parizo, kaj proponis Esp. ĉe la kunsido en Milan, de la Asocioj por la Societo de la Nacioj. Artikolo en „l'Aérophile" proponante Esp. kiel teknika lingvo de la aerveturistoj. „Le Progrès Civique", semajna revuo en Parizo, favoras nian movadon. En N-ro de 17 julio aperis redakcia artikolo pri la societo de nacioj, en kiu oni aludis pri utileco de L. I. (ĉu Esp., ĉu Ido). Sekve de leteroj de Esp-istoj en la N-ro de 11 sept. aperis favora redakcia artikolo al Esp. „La problemo de helpaj lingvoj antaŭ la societo de nacioj", en la N-ro de 23 okt. la listo de Esp. kursoj en Parizo kaj en N-ro de 6 nov. la opinio de Generalo Léman pri Esp. Okazis propaganda parolado de S-ro advokato di Rienzi en la Ligo por virina voĉrajto, sub la prezido de konata feministino advokatino Maria Verone, tre favora al Esp. Parolado pri Esp. estis farita de S-ro Eyquem, konsilanto de apelacia kortumo, en la kleriga asocio Leopold Bellan. Kurso sekvos. La 7 januaro dum grupa kunveno en la Sorbonne S-ro Muffang parolis pri Esp. katolika movado. Kursoj estas farataj en diversaj partoj de la urbo. La societo por la disvastigo de la nacia industrio eldonis en aparta broŝuro la paroladon de Prof. Richet, faritan en tiu ĉi societo. — **Versailles:** Kurso de S-ro L. Chilard.

## Germanio.

**Breslau:** Okazis la 12 dec. kunveno de la Germana Ligo de Katolikaj Esp-istoj. 1800 infanoj sekvas Esp. kursojn en urbaj lernejoj. — **Chemnitz:** 1000 infanoj sume. — **Krefeld:** La grupo elektis novan estraron. Prez. S-ro R. Sanders, sekr. S-ino A. Eckardt. — **München:** Sukcesa Zamenhoffesto kun parolado de D-ro Theilhaber kaj deklamo de F-ino Mälzer. Parolado de S-ro Tressel. Kelkaj kursoj. — **Schweinfurt:** 4 lokaj gazetoj raportas pri la Esp. movado. — **Sebnitz:** 3 kursoj. Paroladoj en diversaj fakaj societoj.

## Hispanio.

**Barcelona:** En Esp. Soc. „Paco kaj Amo" S-ro Delfi Dalmau paroladis Esp. pri „la plej efika metodo lerni kaj lernigi Esp.". Tiu sama Soc., kiu kalkulas nuntempe 150 m., sukcesis malfermi kurson en la Soc. de „la Virino de la Estonteco". Kiel komenco de la kurso S-ro Dalmau paroladis katalune pri feminismo kaj Esp. Kataluna Esp-ista Federacio vigle laboras por reorganizi la movadon. Tiucele ĝia komitato vojaĝas tra Katalunio atingante ĉie grandan sukceson. Dank' al klopodado de K. E. F. la printempe okazonta Specimena Foiro en Barcelona akceptis nian lingvon por la korespondado kaj reklamo eksterlanda.

## Hungario.

**Budapest:** Festo kun deklamoj de Julio Baghy. Oni aranĝos grandan koncerton internacian en Esp. en aŭgusto 1921, post la Kongreso en Praha. Kantistoj, deklamistoj, muzikistoj, k. t. p. estas petataj sin enskribigi. Skribu tuj al S-ro P. Balkanyi, Hajos utca 15/II, Budapest VI.

## Italio.

**Bari:** Parolado kaj kurso de S-ro A. Lacalendola. — **Bologna:** Kurso de D-ro Masi ĉe la „Telefona Heraldo". — **Cremona:** La grupo organizis kurson sub la aŭspicioj de la Komerca Ĉambro. La Laborborso ankaŭ favore rilatas je la movado. — **Firenze:** La malnovaj sam-anoj reorganizis novan grupon. Adreso: ĉe Prof. Corrado Grazzini, 6, via dei Neri. — **Milano:** Multaj kursoj organiziĝis. En 25 lernejoj unuagradaj Esp. estas nun instruata al infanoj laŭ decido de l' urbestraro. — **Padova:** Kurso de Prof. A. Alessio ĉe la Popola Universitato. — **Potenza:** Kurso kun 15 p. — **Regio Emilia:** Post kurso de S-ro P. Barbieri fondiĝis grupo. — **Trento:** Oni pretigas belan gvidlibron tra Trento kaj ĉirkaŭaĵoj. — **Trieste:** 2 kursoj post parolado de D-ro A. Ghez. Dum la Specimena Foiro estos speciala Esp. fako. Adreso: Rondo Esperanta, 12, via G. Gatteri. Multaj gazetartikoloj pri Esp. aperis speciale en Sicilio.

## Nederlando.

**Amsterdam:** En la komenco de la monato okazis ĉe la Ligo de Diamantlaboristoj parolado pri Esp. de S-ro Faulhaber, kun demonstracia leciono de S-ro Kloek. Oni organizis kurson, kiun sekvas proksimume 100 m. Ni devas rimarkigi, ke la Monda Unuiĝo de Diamantlaboristoj (kun grupoj en Nederlando, Belgio, Francio, Anglio, Svisio, Germanio kaj en Usono) esprimis deziron pri enkonduko de Esp. por siaj Internaciaj kongresoj, kaj ekzamenas nun ĉu la afero estas efektivigebla. Oni konstatas, ke jam la Nederlandaj kaj Belgaj fakuloj-Esp-istoj eklaboris. Ni instigas la grupojn Esp-istajn en lokoj, kie ekzistas diamantista societo agi same, por efektivigi la proponon kaj montri, ke Esp. estas utila kaj uzebla. — **Groningen:** Parolado de S-ro G. Nivard ĉe Katolika Unuiĝo de Komercvojaĝistoj.

## Rumanio.

**Szászsebes:** S-ro L. Kelety preparas paroladvojaĝon. Li parolos pri „Vojaĝoj peresperantaj tra 17 landoj, 7 jaroj en Argentinio".

## Svedio.

*Malmö*: La grupo elektis novan estraron. Prez. S-ro Jönsson, sekr. S-ro Petersson. Sukcesa Zamenhofa festo. Ekspozicio. Artikoloj en lokaj gazetoj pri Esp. ĉe Ligo de Nacioj. En aprilo la grupo festos sian 15an jarekziston.

## Svislando.

*La Chaux-de-Fonds*: Estas industria urbo de Svisio, mil metroj super la maro, ĉefa centro de la fama svisa poŝhorloĝfabrikado. En Svisio, la unuagrada lernejo estas deviga kaj senpaga. Tiu leĝo estas diversmaniere aplikata en la 22 ŝtatoj, kiuj formas la svisan federacion. En la kantono Neuchâtel, kies plej loĝata urbo estas La Chaux-de-Fonds, urba komitato konsistanta el 40 personoj estras en ĉiu urbo la lokajn lernejojn. De post kelkaj jaroj, la virinoj ankaŭ rajtas esti membro de tiuj komitatoj. Nia sam-anino S-ino M. Wolf estis inter la unuaj elektitaj, kaj de tiam ŝi klopodis por la enkonduko de Esp. en la lernejoj. Fine ŝi atingis la rezultaton, ke nia lingvo estos instruata — ne devige — dum la 2 superaj jaroj de la unuagradaj lernejoj. Por efektivigi tiun decidon estas necese, ke la geinstruistoj de tiuj klasoj eklernu la lingvon. Pli ol 20 el ili memvole enskribiĝis por sekvi kurson, kaj de la venonta printempo, ili mem instruados siajn l. Ne sen malfacilaĵoj estis atingita tiu rezultato, kiu povas esti tre utila al nia movado en Svisio, se la sekvoj estos kontentigaj. La kursoj estos oficialaj, kvankam nedevigaj, kaj se la sukceso estas bona, aliaj urboj en nia lando sekvos nian ekzemplon. Ni urĝe petas, ke la geinstruistoj, skribu al la: La Esperanta kurso por geinstruistoj, adreso: S-ino M. Wolf, 12, Rue du Parc, La Chaux-de-Fonds (Svisio). Ili bonvolu ĉu sciigi siajn gekolegojn pri spertoj faritaj, ĉu peti sciigojn, ĉu simple sendi saluton, kuraĝigon, por elmontri al la novaj varbitoj ankoraŭ skeptikaj, la disvastiĝon de Esp. Ankaŭ neinstruistoj povas helpi skribante sur ilustrita poŝtkarto. Al ĉiu ni respondos, kaj jam antaŭe ni dankas tutkore. — *Genève*: La 21 januaro malfermiĝis ĉe la Universitato la kurso pri Historio de mondlingvo. Konata lingvisto Profesoro Bally prezentis la instruontan privat-docenton D-ron Edm. Privat per trafa parolado montrante, ke la modernaj vivantaj lingvoj estas laŭ multaj vidpunktoj tiel artefaritaj, kiel ekzemple Esp., kies sperto estas tre valora por lingvistoj. 100 p. ĉeestis. La plian universitatan kurson de D-ro P. pri studado de Esp. tekstoj partoprenas 25 p. Nur Esp. estas parolata. Publikan paroladon de D-ro Privat ĉe „Clarté“ (400 p.) sekvis du elementaj kursoj kun 80 p. La grupo „Stelo“ regule kunvenas (kutime 25 p.). — *Montreux*: Parolado de D-ro Privat pri Esp. ĉe la Ligo de Nacioj (100 p.). Fondiĝis grupo kaj du kursoj gvidataj de S-ino Mexin (30 p.).

## Turkio.

*Konstantinoplo*: Sukcesega parolado de S-ino Helène H. Mavropulo antaŭ proksimume 1000 p. en la salono de la Greka Literatura Societo. La enlanda gazetaro longe kaj favore raportis. Diversaj kursoj por viroj kaj virinoj komencis. S-ro D-ro A. Stamatiadis gvidas kurson ĉe Laborista Unuiĝo.

## Ameriko.

*Jowa* (Usono): F-ino Hamand kreis katedron de Esp. ĉe Universitato per malavara donaco. — *Leesvil* (Usono): Kursoj de S-roj De Vine kaj Buck. — *San José* (Costa Rica): Artikoloj en naciaj gazetoj de S-ro M. Maldonado.

## Azio.

*Nikolsk-Ussurijsk*: La grupo fondita de hungara militkaptito S-ro J. Baghy progresas. Gvidas F-ino Eudokia Podenko. — *Vladivostok*: La du grupoj „Espero“ (S-ro R. Vonago, prez.) kaj „Verda Stelo“ (S-ro S. Averkiev, prez.) regule funkcias.

# SUKCESOJ DE ESPERANTO

### En bulgaraj lernejoj

La Ministro de Popola Instruado en Bulgario dissendis tiun cirkuleron N-ro 37. 923 datita de la 20. XII. 1920:

„Dezirante ne nur ne malhelpi sed eĉ servi kiom eble al la afero de la esperantistoj, la estrata de mi Ministrejo donas al S-roj direktoroj la rajton fari — ĉu senkondiĉe, ĉu laŭeble kun plej malgrandaj kondiĉoj laŭ la tempo kaj loko — la necesan akcepton al la societo (Bulgara Esperantista Societo?) en la lernejoj, kaj al la lernantoj permeson vizitadi, se ili deziras, la esperantajn kursojn, kiuj ankaŭ povas nur utilon alporti al ili, sed ne malutilon.“

La Ministro: *St. Omarĉevski.* La Ĉefsekretario: D-ro *St. Donev.* La Fakestro: D-ro *F. Manolov.*

### Ĉe la Komerca Asocio de Rio de Janeiro

La prezidanto de „Brazila Ligo Esperantista“ kaj tiu de la Organiza Komitato de la Sesa Brazila Kongreso de Esperanto sendis al la Komerca Asocio de Rio de Janeiro, kiu estas samtempe Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj, raporton pri la nuna stato de la propagando de Esperanto en la tutmonda komerco.

Tiu ĉi raporto estis legita en ĝia lasta kunsido, okazinta la 11 novembro 1920, kaj la Komerca Asocio unuanime aprobis la jenan gravan deziresprimon:

„La Komerca Asocio de Rio de Janeiro, certa, ke la helpa lingvo Esperanto, kies realigebleco estas praktike kaj tutmonde pruvita, povas fari kaj jam faras grandajn servojn al la komercaj rilatoj inter la nacioj, decidis doni al la proksima Sesa Kongreso de Esperanto sian tutan moralan helpon“. Pri tio oni komunikis al *Brazila Ligo Esperantista.*

S-roj Araujo Franco, Alfonso Vizeu, D-ro Augusto Ramos kaj J. Dias Tavares, respektive prezidanto (efektiva prezidanto, Lunna), unua sekretario kaj direktoro de la Komerca Asocio akceptis esti patronoj de la Sesa Brazila Kongreso de Esperanto.

### Ĉe la Monda Unuiĝo de Diamantlaboristoj

*Kunsido de la Estraro, je la 6 januaro 1921 en Amsterdam*

Prezidanto: Pollak. Ĉeestas: Van Zutphen kaj Van de Velde (Nederlando), Van Meerbeeck kaj Van Berckelaer (Belgio), Green (Anglio).

El la raporto ni elĉerpas jenon: La Sekretario klarigas, ke diversaj membroj sendis al li proponojn, por uzi estonte Esperanton kiel ĉeflingvon en niaj korespondado kaj kongresoj.

Li insistas pri la fakto, ke, se tiu propono estus efektivigebla, ĝi ne nur estus granda ŝparo de mono kaj tempo, sed ke estus netakseble utile, se la diverslandaj kongresdelegitoj povus persone interrilati inter la kunsidoj kaj poste fiegadi kaj plifortigi skribe la tie naskiĝintajn amikajn rilatojn.

Oni decidas, ke, antaŭ ol preni tian decidon, la Sekretario ekzamenos, ĉu ekzistas en la diversaj lokaj grupoj sufiĉe da emo al la ideo kaj hunhelpo por ĝia realigo.

# TRA LA GAZETARO

### Esperanto dum vojaĝo

. ˙ . La „*Suda Kruco*“ (Melbourne, novembra N-ro) raportas pri artikolo en „*The Australasian Manufacturer*“. Aŭstralia Komercisto vojaĝis Japanion kaj trovis, ke „Esperanto malfermis al mi la pordojn en ĉiu loko, kiun mi vizitis. Dum mia restado mi faris ĉiujn aranĝojn kun multe malpli da kosto kaj da peno dank'al Esperanto. Ĉiutage unu el la Esperantistoj estis mia gvidanto kaj kondukis min al diversaj lokoj, kiujn mi alie ne estus povinta atingi.“

### Reveno de Ido al Esperanto

.˙. Ni legas en la svisa gazeto „*Sentinelle*" el La Chaux-de-Fonds:

„Oni scias, ke la internacia Asocio de la malnovaj batalintoj, la kongreso de la francaj instruistoj, la C. G. T., en sia kongreso en Lyon, la socialista Komunumo de Milano, kaj multaj aliaj organizaĵoj favoras la disvastigon de Esperanto, tial, ke tiu ĉi lingvo taŭge montras, ke ĝi plenumas ĉion, kion oni devas postuli de internacia lingvo. Malgraŭ tio kelkaj fanatikuloj volas refali en babelismon, subtenante aliajn projektojn de helplingvo, ekzemple Idon, tiun nepran superfluaĵon. Tamen kelkaj skismuloj revenas al Esperanto, kaj inter ili eĉ eminentuloj.

Jen artikolo devenante de eksprezidanto de idista societo. Ĝi havas la titolon: „*Reveno de Ido al Esperanto*".

„Laŭ la deziro de l' redaktoro de „Travailleur espérantiste", mi havas la honoron, prezenti al la legantoj resumon de la motivoj, kiuj min decidigis reiri de Ido al Esperanto.

1e, kiel prezidanto de la Svisa Ido-Societo, mi sufiĉe ofte havis la okazon konstati, ke depost kelkaj jaroj Ido fariĝis pli kaj pli malfacila kaj komplika, sekve de la oftaj ŝanĝoj proponitaj de la Akademio al la adeptoj. La plimulto do de la Idistoj, precipe tiuj, kiuj pli funde esploris la akademian laboron, konvinkiĝis, ke la nuna Ido ne plu estas simpligita Esperanto, sed male, ke Esperanto povus esti nomata simpligita kaj plibonigita Ido . . .

. . . Pretekstante plibonigon, Ido senĉese ŝanĝiĝas; la periodoj de neŝanĝemeco ekzistas nur sur papero kaj en la multsugestia imago de la ĉefoj. Ido estas nur projekto. Esperanto fariĝis lingvo vivanta, kiu tute nature malvolviĝas, same kiel la naturaj lingvoj, laŭ racia evolucio kaj ne laŭ senpripensa, fantazia revolucio.

Spite la atakoj kelkfoje direktitaj kontraŭ ĝi, Esperanto estas la vera solvo de l' problemo de internacia lingvo.

*Edouard Wenk,*
Eksprezidanto de „Svisa Idista Societo",
Spalenring 89, *Basel* (Svisio).

Kaj nun, ĉu vi volas scii, kion skribis pri la valoro de Esperanto S-ro L. de Beaufront antaŭ ol li prepraris idon:

Laŭ kiu ajn vidpunkto oni konsideras Esperanton, ĝi estas verko de alta logiko kaj de admirinda praktika saĝo. Ĝi estas tiel plene konforma al la vera programo de internacia lingvo, ke nova sistemo kapablus ĝin egali nur imitante ĝin parte aŭ tute. Tial ni povas dormi pace. Ni neniam bezonos forlasi Esperanton: oni ne donos al ni pli bonan internacian helplingvon."

### Esperanta sapo!

.˙. La „*Internacia Komerca Revuo*" estante reala kaj nefantazia uzanto de Esperanto kiel komerca praktika lingvo enhavas ofte tre trafajn rimarkojn. Ni elĉerpu la sekvantan kies praveco kaj ridigeco amuzos vin: „Esperanta sapo"! Jes, kara samideano, tiel oni uzas la nomon de nia lingvo! Vi lavas vin per „Esperanta sapo", vi odorigas vin per „Esperanta parfumo", portas „Esperantan horloĝon", manĝas „Esperantan kolbason", trinkas verdan „Esperantan likvoron" kaj poste se sufiĉe da „Esperantaĵoj" vi englutis, vi estos matura por . . . Esperanta malsanulejo! *F.*

.˙. „*La Esperantisto*" (Wien) publikigas vivan kaj koloran novelon „Tralosmontes" de M. Scheyer. Domaĝe, ke ĝi ne estas en plej perfekta Esperanto.

.˙. „*Svisa Espero*" aperas lastfoje. La oficialaj komunikaĵoj de la S. E. S. aperas nun en „Esperanto" por unuigi la fortojn.

.˙. „*Espero Katolika*" (Wien) iniciatis la aperon sur detranĉeblaj folioj de Religia Faka Vortaro redaktita de P-ro J. Bianchini. Ni gratulas pri la entrepreno imitinda de aliaj fakoj: ni nepre bezonas fakajn vortarojn por la praktika uzo de nia lingvo!

.˙. „*Verda Utopio*" (Osaka) enhavas tre originalajn artikolojn, en kiuj troviĝas ofte tre amuzaj komparoj: „En vilaĝo malpli granda ol frunto de kato, kiel oni povas nescii kie kuŝas la liceo?"

.˙. „*La Unuigita Tuthomaro*" (Hamburg) enhavas kiel kutime altidealajn artikolojn.

.˙. Aliaj gazetoj ricevitaj: „*The British Esperantist*" (januaro); „*Esperanto Triumfonta*"; „*Amerika Esperantisto*" (decembro); „*Bulgara Esperantisto*" (januaro); „*Le Monde Espérantiste*" (decembro); „*Itala Esperantisto*" (januaro); „*La Espero*" (decembro); „*La Verda Ombro*"; „*Esperanto-Praktiko*" (januaro).

Novaj Gazetoj:

.˙. „*La Marto*", Haida (Ĉeĥoslovakio) reaperas. Kiel oni jam rimarkigis antaŭ la milito, ĝia titolo estas tute nekomprenebla de internacia legantaro.

.˙. Artikoloj pri Esperanto aŭ UEA aperis en „*La Paix par le Droit*" (Paris); „*Jahrbuch der Reichenberger Messe 1921*"; „*Le Journal d'Orient*" (Konstantinoplo); „*Le Phare*" (Calais); „*O Imparcial*" (Rio de Janeiro), kun du ilustraĵoj; „*La Vanguardia*" (Barcelona); „*La Suisse*" (Genève); „*La Tribune de Genève*"; „*Le Journal de Genève*"; „*Werdauer Tageblatt*" (Esperanto-Angulo); „*Reggeli Hirlap*" (Miskolcz); „*Auckland Labour News*; „*De Diamantbewerker*" (Antwerpen); „*Danziger Allgemeine Zeitung*"; „*Danziger Volksstimme*"; „*Sheffield Weekly News*" (kun portreto de D-ro Pollen); „*El Diluvio*" (Barcelona).

## ANONCITAJ KONGRESOJ

### 12a Brita Esperantista Kongreso

La Kongreso okazos dum Pentekosto 13—17 majo 1921 en Harrogate. Oni jam preparas multajn antaŭaranĝojn. Krom laboraj kunvenoj en la Teknika Lernejo, metita je la dispono de la kongreso de la urba konsilantaro, okazos teatraĵeto prezentita de infanoj kaj balo. La kongresa karto kostas ĝis la 18 aprilo 3 6 poste 5 ŝil. Petu aliĝilon de S-ro J. E. Holmes, sekretario, Roundwood Grange, Baildon, Shipley. Pliaj informoj kaj plena programo aperos en unu el la sekvantaj N-roj.

### 2a Kunveno de Iberiaj landoj

Tiu kunveno okazos la 26—28 majo en Zaragoza. Ĝia celo estas restarigi Iberian Esperanton Federacion. Ni esperas, ke tiu propono sukcesos, ĉar la Hispana Societo por propagando de Esperanto ne plu ekzistas kaj la „Zamenhofa Federacio" ne ŝajnas esti akirinta la sukceson kiun ĝi rajtis. En Portugalio ŝajnas, ke ne plu ekzistas nacia societo. Aliĝiloj estas riceveblaj de S-ro D. Maynar, 19, calle Cerdán pral., Zaragoza.

### Nordokcidentgermana Esperantista Kongreso en Harburg apud Hamburg (Germanio)

Invito! — La 4 kaj 5 majo 1921 en la urbo Harburg okazos propaganda Esperantista kongreso por la nordokcidenta regiono de Germanio. En la lasta tempo tie ĉi fondiĝis du fervoraj Esperantistaj grupoj, kiuj aranĝas la preparojn.

Eksterlandaj samideanoj estas kore invitataj, partopreni kaj helpi al la propagando per raportoj kaj paroladoj. Oni petu informojn de S-ro P. Hübner, Reeseberg 56, Harburg ap. Hamburg (Germanio).

### Universala internacia katolika kongreso

Tuj post la fino de la universala kongreso en Praha okazos en Graz, Aŭstrio, la internacia katolika kongreso, 8—12 aŭgusto 1921. Krom la ĝenerala problemo de la nuntempa internacia agado pritraktota dum la ĝenerala parto de la kongreso, oni intencas aranĝi specialajn konferencojn por la diversaj fakoj de la vivo katolika, ekz. por la junula, studanta, virina, laborista, porpaca, Esperanta k. t. p. movado. La organiza kongreskomitato invitas kore ĉiujn samkredanojn al multnombra partoprenado. Oni sendu aliĝilojn kaj demandojn al la Organiza kongreskomitato Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

La propaganda kongreskomitato:
*Kaspar Mayr*, sekretario.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas le samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio:** *50 Kr.* **Baltaj ŝtatoj:** *16 Germ. Mk.* **Belgio:** *8 Fr.* **Britio:** *4 Sh.* **Bulgario:** *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio:** *18 Kr.* **Danio:** *5 Kr.* **Finnlando:** *18 Mk.* **Francio:** *8 Fr.* **Germanio:** *16 Mk.* **Hispanio:** *5 Pes.* **Hungario:** *50 Kr.* **Jugoslavio:** *25 Kr.* **Italio:** *10 L.* **Nederlando:** *2.50 Guld.* **Norvegio:** *5 Kr.* **Pollo:** *50 P. Mk.* **Rumanio:** *20 Lej.* **Svedio:** *4 Kr.* **Usono:** *1 Dol.*

Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.)*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 5.)*

Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)*

Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la jarlibro*

**Centra Oficejo:** *12. Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Korespondado.** — Kiel ni supozis, la Madrida poŝta konferenco interkonsentis pri altigo de la internacia afranko, praktike jam aplikita de multaj landoj. Por nia laboro tiu-ĉi decido, laŭdire aplikota nur dum kelka tempo, estas grava bato. La tarifo estas nun:

Simpla poŝtkarto 25 centimojn, letero 20-grama 40 centimojn, presaĵo 50 grama 10 centimojn. La alilandaj poŝttarifoj ŝanĝos konforme al tiu-ĉi bazo laŭ speciala kurzo fiksota de ĉiu lando aparte. Konsiderante, ke ni skribas relative pli da poŝtkartoj ol leteroj (3 : 1) niaj elspezoj kreskus senhalte, se la korespondado ne limiĝos je la plej necesa. Ni tre petas niajn membrojn skribi al la Centra Oficejo *nur* kiam estas urĝe necesa; kiel eble plej multe oni sin turnu al la loka delegito precipe pri aliĝoj, plendoj kaj aliaj administraĵoj.

**Respondkuponoj.** — Unu malagrablaĵo ne restas sola; alia bato sekvas tiun pri la poŝttarifo. La servo de respondkuponoj, je kiu aliĝis multaj landoj, renkontis gravan baron en la daŭra ŝanĝo de la monkurzoj. Diversaj ŝtatoj ĉesigis la vendon, inter ili eĉ Francio kaj Italio. Aliaj altigis la prezon ĝis tia grado, ke spekulacio per respondkuponoj ne plu estas ebla, ekzemple Germanio, kie unu kupono kostis ĝis nun 3 Mk. De la 1 februaro la svisa poŝto repagas po respondkupono nur 20 centimojn, anstataŭ 25 kiel antaŭe. La aĉetoprezo estas fiksita je 30 centimojn kontraŭ 28 po unu. Ni do avertas ĉiujn, ke ni akceptas respondkuponon nur je 20 centimoj; 5 kuponoj, maldekstre, stampitaj egalas unu svisan frankon.

**Karavano de UEA.** — Lyon—Svisio—Aŭstrio—*Praha*—Lyon. S-ro M. Génermont, Komitatano, kaj S-ro Poncet, Del. en Lyon, preparas la organizon de bela alkongresa vojaĝo. Programo kaj prezprojekto aperos pliposte.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato decembro 1920:

Ricevitaj: 945. — Forsenditaj: 3482. — Tuta sumo: 4427. (Antaŭa monato: 2505).

**Kotizoj por 1921.** — Je la 31 decembro 1920 estis enkasigitaj 596 kotizoj (el kiuj 96 membroj, 482 membroj-abonantoj kaj 18 subtenantoj). Krom tio estas 197 dumvivaj membroj. Sume: 793.

**Subtenantaj membroj.**

*Dua listo:*

10. S-ino B. Altman, Reval. — 11. S-ro L. Altman, Reval. — 12. S-ro Karl Hiller, Bamberg. — 13 S-ro V. Arcioni, Milano. — 14. S-ro A. E. Boyce, Stroud. — 15. S-ro G. Schaeffer, Béziers. — 16. S-ro H. Legrand, Montevideo. — 17. S-ro H. Skog, Ystad. — 18. S-ro M. Ŝitera, Omaha.

**Garantia Kapitalo.**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 8925 |
| Akiris *trian* ateston de la unua serio | |
| S-ro G. Douglas Buchanan, Glasgow . . . . . . . . | 100 |
| Frankoj | 9025 |

*Dua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 900 |
| 4. S-ro C. Gilá, Locarno . . . . . . . . . . . . | 300 |
| | 1200 |

Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Fr. Svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj pagoj da 100 Fr. Ĉiu mendinto de unu atesto de la G. K. estas dumviva membro kaj abonanto de „Esperanto", kiaj ajn estos la venontaj prezaltigoj. La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

La personoj, kiuj jam posedas ateston de la unua serio povas akiri plian, pagante 100 Fr. Svisa valoro. Tiel agante, ili efike helpas al UEA.

**Formuloj.** — Ni insistas, por ke la Delegitoj kiel eble plej multe uzu la formulojn precipe la *membroliston.* Relative tro multe da aliĝoj devas esti kopiataj el leteroj, kuponoj de poŝtmandatoj. Tio kaŭzas gravan perdon da tempo kaj prokrasto. Se formulo momente mankas, oni uzu simplan poŝtkarton.

**Perantoj en Ĉeĥoslovakio.** — Krom S-ro František Kavan, Podebřadova ul. 6, Plzeň, estas rajtigata peradi aliĝojn en Ĉeĥoslovakio:

S-ro Hans Klinger, doganoficisto, Del. de UEA en Tetschen (Dečin), Kirchgasse 463.

**Novaj Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Arzew* (Alĝerio). — D.: S-ro Paul J. Richard, rentulo, quartier Tourville.

*Burnley* (Anglio, Lancashire). — D.: S-ro Walter Bell Currie, komercisto, „La Verda Stelo", Faraday Street. — VD.: F-ino Annie Hurley, 38, Hilary Street.

*Burntisland* (Skotlando, Fife). — D.: S-ro James Rodger, lernejestro, Higher Grade School.

*Bytĉica* (Ĉeĥoslovakio, Slovakio). — D.: S-ro Jiři Frankenberger, hospitalestro.

*Calais* (Francio, P. d. C.). — D.: S-ro G. Perrin, puntfabrikanto, 8, rue de Rome.

*Copthorne* (Anglio, Sussex). — D.: S-ro Alfred Ernest Ansell, 10, Brook Hill.

*Deal* (Anglio, Kent). — D.: S-ro Herbert Sewell, presisto, College Road.

*Dover* (Anglio). — D.: S-ro Wilfred Chitty, direktoro de muelejo, 51, Park Avenue.

*Forst i. L.* (Germanio, Lausitz). — D.: S-ro Karl Klose, maŝinisto, Steinstr. 25/I.

*Gentbrugge-Meirelbeke* (Belgio, Orienta Flandro). — D.: S-ro C. Vandevelde, inĝeniero, Zwarteheirestraat 230.

*Györ* (Hungario). — D.: S-ro Bela Kardos, dentisto, Koronaköz 3. II. em. — VD.: S-ro György Steiner, Kletzarstrasse 12,

*Hagen* (Germanio, Westfalio). — D.: S-ro Walter Rose, Eppenhauserstrasse 2/I.

*Kristiina* (Finnlando). — D.: S-ro W. E. Holopainen, telegrafrevizoro.

*Leicester* (Anglio). — D.: S-ro W. Bayes, administranto de ŝufabriko, 25, Oban Street. — VD.: S-ro Frank Hancock, 5, Lancashire Street.

*Lendringsen* (Germanio, Westf.). — D.: S-ro Heinrich Post, seruristo.

*Mercurea-Ciuc* (Rumanio). — D.: S-ro Josef Wenczel, profesoro.

*Montrose* (Skotlando, Forfarshire). — D.: S-ro J. C. Cameron, vojaĝisto, 10, Gindera Road.

*Moulins s. Allier* (Francio). — S-ro Marcel Genermont, arĥitekto, 11, square de la République.

*Nusle* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Vaclav Ĉansky, Riegrovo namešti 5.

*Sandviken* (Svedio, Gestrikland). — D.: S-ro Hugo Larsson, industria oficisto, Charlottenberg 1. — VD.: S-ro Johan Gärlund, ferlaboristo, Storgatan 10.

*Sibiu* (Rumanio, Transilvanio). — D.: S-ro K. Hölszky, fervoja teknika kontrolisto, Wiesengasse 8. — VD.: S-ro D. Goldstein, tajloro, Cooperativa Croitorilor, Rosenangerstrasse 6.

*Székesfehérvár* (Hungario, Fejer megye). — D.: S-ro Lajos Pentz, ŝtatoficisto, Vilmos csaszar ter. 12.

*Tegal* (Nederlanda Hindio, Java). — D.: S-ro H. J. ten Cate, inspektoro de vaportramasocio S. C. S., Slerok 115.

*Tokio* (Japanio). — D.: S-ro Morizo Ga, 16. V. Kitamaĉi-Aojama.

*Travnik* (Jugoslavio, Bosnio). — D.: S-ro Nikola Lisac, poŝtoficisto.

*Veszprem* (Hungario). — D.: S-ro Akos Bucsy, profesoro, Var 24. — VD.: F-ino Ilona Szalantzy, Var 24.

*Westhofen* (Germanio, Westfalio). — D.: S-ro Friedrich Bierhoff, fervoja oficisto, Südstrasse 7.

*West Malling* (Anglio, Kent). — D.: S-ro Gilbert Owen Gosling, ŝtatoficisto, Orchard View, Norman Road.

*Ystad* (Svedio, Skåne). — D.: S-ro Harald Skog, kolegia adjunkto, Trädgärdsgatan 1.

Lokoj kun alilingvaj nomoj: *Györ* = Raab; *Sibiu* = Hermannstadt aŭ Nagyszeben. *Mercurea-Ciuc* = 5 Czikszereda. *Szekesfehervar* = Stuhlweissenburg.

Ŝanĝoj:

*Brno* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Vincenc Krouzil, profesoro, průmyslova škola. — VD.: S-ro Franz Podloučka, oficisto, Porodnice.

*Huesca* (Hispanio). — VD.: S-ro José Artigas, instruisto, 25, Lanuza.

*Newcastle-on-Tyne* (Anglio). — D.: S-ro R. G. Redpath, inspektoro pri publika sano, 35, Honister Av.

*Opava* (Ĉeĥoslovakio, Silezio). — D.: S-ro J. L. Marèze, redaktoro, Otiĉka 25, „Volkswarte". — VD.: S-ro E. Zatecky, bankdirektoro, Otiĉka 25.

*Portsmouth* (Anglio). — D.: S-ino M. E. Gall, 85, Arundal Street.

*Roma* (Italio). — VD.: S-ro Marcello Quojani, studento, via Coppelle 18, Roma 20.

*Tampere* (Finnlando). — D.: S-ro Esko Roelius, komercisto, 30, Pinninkatu.

*Worcester* (Anglio). — VD.: S-ro W. Severn, 8, Comer Road.

Provizore ne plu estas Delegito en jenaj lokoj:

*Moravska Ostrava* (Ĉeĥoslovakio); *Mostaganem* (Alĝerio); *Mähr. Neustadt* (Ĉeĥoslovakio).

**Starigo de novaj Delegitoj.** — En jenaj lokoj starigo de delegito estas dezirinda:

**Germanio.** — *Altona, Amberg, Baden-Baden, Bad Ems, Bad Homburg v. d. H., Bad Kissingen, Bad-Nauheim, Bad Tölz, Bonn, Bremen, Koblenz, Charlottenburg, Cleve, Darmstadt, Dortmund, Duisburg, Erlangen, Erfurt, Fürth, Gelsenkirchen, Giessen, Gotha, Hof, Jena, Kaiserslautern, Karlsruhe, Konstanz, Lahr, Lörrach, Ludwigshafen a. Rh., Marburg a. Lahn, Meissen, Neuss, Neustadt a. Haardt, Oberhausen, Pirmasens, Remscheid, Solingen-Ohligs, Spandau, Stettin, Stralsund, Trier, Ulm-Donau, Weimar, Zittau, Zweibrücken, Zwickau.*

**Kanado.** — *Brandon, Brantford, Calgary, Charlottetown, Dawson, Edmonton, Fredericton, Fort William, Guelph, Glace Bay, Hamilton, Hull, Kingston, Kitchener, London, Medicine Hot, Moncton, Newcastle, North Bay, North Battleford, New Westminster, Niagara Falls, Ottawa, Porth Arthur, Port Nelson, Prince Albert, Prince Rupert, Quebec, Swift Current, Sherbrooke, Stratford, Sydney, St. John, St. Catharina, St. Henri, St. Hyacinthe, St. Thomas, Three Rivers, Vancouver, Victoria, Windsor, Woodstock, Yarmouth.*

Ni tre dankas al bonvolaj personoj nin atentigantaj pri adresoj de taŭgaj kandidatoj.

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Februara raporto*

Tre ŝatindan laboron faris nia kolego Ro Ŝo (Richard Sharpe). Li elprenis el la Oficiala Gazeto ĉiujn „Bultenojn" de E. L. A. ĝis julio 1914, paĝo 85. La finvortoj tie estas: „Pri temo de internacia intereso, priparolota en Edinburgo." (Ho ve! ĉi tio estis la lasta frazo, kiun ni povis aŭdigi en Oficiala Gazeto!)

S-ro Sharpe faris por la tuta bultenaro klasigon, kaj liston de la enhavo. Ĉion kune li bindigis kaj nun posedas valoran libron por si mem kaj samtempe bonan dokumenton por eventuala presado kaj eldono. Ĉi tio certe estus tre laŭ la deziro de S-ro Davidov kaj de multaj literatur-amantoj.

Unu el niaj novaj kolegoj tre varme rekomendas la eldonon de aparta literatura gazeto. Al li ni respondas, ke unu el la dek ordonoj al la Esperantistaro estas:

„Ne eldonu la gazeton, kiun vi volas aperigi."

Serioze: ni ne fondu novajn gazetojn, sed ni subtenu kaj disvastigu niajn bonajn, jam pruvitajn ĵurnalojn. Ili ja ĉiuj malfermas siajn kolonojn al literaturaj demandoj kaj raportoj, ĉies voĉo povas esti aŭdata. Krom tio, papero kaj presado nun estas tiom multekostaj, ke fondo de nova gazeto estus grava risko.

Alia kolego modeste demandas, ĉu Esp. gazetoj pagas honorarion. Li rajte demandas, ĉar ĉiuj naciaj gazetoj tion faras. Ni denove respondas: pligrandigu la abonon de niaj bonegaj gazetoj, kaj ili volonte pagos por la akceptitaj manuskriptoj, ili tion celadis de la komenco. Ĝis nun la gazetoj estas devigataj senpage akcept la kunlaboron de samideanoj.

Ni volas ĉi tie konigi al la tutmonda Esperantistaro, ke en „Esperanto Triumfonta" (Teo Jung, Horrem bei Kœln) nun aperas bonega romano de la fama rusa aŭtoro Korolenko: „La Senlingvulo". La nekutime bonan tradukon liveris Maria Ŝidlovskaja jam longe antaŭ la milito; ĝi estas kontrolita kaj tre varme rekomendita de Esp. Lit. Asocio. Oni ne povis peti kaj akiri la konsenton pri la publikado de la tradukintino, eble per tiu ĉi anonco ŝi iel ricevos sciigon pri la afero.

Pri versaĵoj.

Inter la plej bonaj esperantaj poemoj ankaŭ meritas citon la verkaĵeto: „En Montoj" (Paris, 1906) de H. Sentis. Vera poezio tie unuiĝas kun perfekta formo, delikata animsento kaj nobla pensado sin prezentas en pura Esperanto.

En nia rondo aŭdiĝis la demando, ĉu versaĵoj sen ritmo kaj sen rimo estas veraj poeziaĵoj. Ni lasu la respondon al Heinrich Heine, kiu skribis el Parizo 1837:

„De iom da tempo io en mi ribelas kontraŭ ĉiu prozodio kaj, kiel mi aŭdas, ĉe kelkaj samtempuloj ekĝermas simila malinklino. Ŝajnas al mi, ke oni tro multe mensogis per belaj versoj kaj, ke la vero hontas ekaperi en metrika vesto."

Ion similan diris Zanoni („G. E.", N-roj 8—9, sept. 1915, p. 101): „Estas demando ankoraŭ diskutata, kiugrade poemo, por esti „bona" devas submetiĝi al la postuloj de l' metriko — tamen mi rekomendas, ne tro subite ŝanĝi la versmezuron en la sama strofo aŭ eĉ linio, ĉar tio kondukas aŭ al ĝena malflueco aŭ igas, ke iun vorton trafas malĝusta elparola akcento".

El tio rezultas, ke ĉefafero estas la senco; sen profunda senco ankaŭ la plej belsona versaĵeto nur estas glitveturila tintado.

S-ro Krestanof trovis eldoniston por siaj 7 (ne 3 aŭ 4) „Nuntempaj Rakontoj“ de Stamatov per nia fervora samideano B. Koetz en Leipzig. Krom tio, jam nelonge post la „Bulgara lando kaj popolo“, S-ro Krestanof aperigis: „El la proksima Oriento“ (pri la novaj respublikoj en Rusio).

Aliĝis S-ro Cosmo Ricca, Genova. Giov. Tomm, N 2, Int. 5. Okdek M. (40 Sm) kune donacis S-ino Mexin kaj S-ro Pillath al nia asocio. Tre koran dankon.

*Marie Hankel*, Dresden-A, Nicolaistr. 18.

# Esperantista Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *V. Koskinen*, membro en Lahti (Finnlando), dankas S-ron H. Tressel, Del. en München pro la rehavigitaj maŝinpartoj, kiuj, pro la milito, dum ses jaroj restis en Germanio.

.·. S-ro *D. Ridderheim*, Malmö (Svedio), kore dankas S-rojn E. Rietschel en Dresden, F. Fetke koj P. Wuttig en Berlin kaj ĉiujn samideanojn en Germanio, kiuj bonvolis helpi lin dum lia restado.

.·. D-ro *M. Blassberg* el Kraków elkore dankas S-ron P. Blaise en London pro afable plenumita servo.

.·. S-ro *Kurt Kauffmann*, Del. en Heidelberg, kore dankas al S-ro Maurice Hyde, V.-D. en Melbourne, pro malfacila havigo de la adreso de sia onklo en Melbourne; al S-ro N. Nordlund en Kristianstad pro malavarega „respondo“ al peto.

.·. F-ino *Helmi Drezen*, VD. en Tallinn (Estonio), esprimas sian koran dankon pro la ĉiama afableco, kun kiu estis plenumitaj siaj petoj kaj deziroj de S-ino C. Fürth, Del. en Dresden; ŝi sincere dankas S-rojn E. Adam kaj E. Glodeau en Paris, J. Barkovski en Graville kaj O. Kortelainen en Wiipuri pro la alsenditaj esperantaĵoj por rusaj samideanoj. Ili estis transsenditaj pere de la rusa delegacio en Tallinn.

.·. La *C. O. de UEA* kore gratulas kaj dankas S-ron G. Douglas Buchanan, Del. en Glasgow, pro liaj klaraj leteroj, precize plenigitaj formuloj kaj delegita administra agado responda je la deziroj de la logiko kaj bonordo.

## Internacia turista vojaĝo tra Italio

Post la XIIIa en Praha (31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921) ĉiuj partoprenontoj estas invitataj ĉeesti la VIan Kongreson de la Italaj Esperantistoj en Trento (9—10 aŭgusto) kun postkongresa ekskurso al Rovereto kaj de tie al Verona, kie vespere oni ĝuos kolosan prezentadon de Aida en la roma antikvega areno. La 12 oni forveturos al Milano, kie povas kuntroviĝi ĉiuj partoprenantoj al la Turista Kunveno.

Oni forveturos de Milano al Ĝenova la 13, al Pisa la 14, al Roma la 15 (restado dum du tagoj), al Firenze la 18, al Venezia la 20, al Trieste la 22 La 23 la kunveno finos en Trieste.

La fama vojaĝagentejo Th. Cook & S., kiu proponis tiun vojaĝplanon, prenas sur sin la realigon de la vojaĝo mem je tiuj ĉi prezoj:

| | | |
|---|---|---|
| Unuaklase en vagonaroj kaj en hoteloj | . . . . . | 1580 lirojn |
| „ „ „ | duaklase en hoteloj . . | 1305 „ |
| Duaklase | . . . . . . . . | 1055 „ |

Tiaj prezoj enhavas koston de la biletoj de Trento ĝis Trieste; ĉiujn hotelajn servojn depost Milano ĝis Trieste; omnibusojn de la stacidomoj al la hoteloj kaj viceversa; koston de la manĝoj dum la vojaĝo depost la forveturo de Milano ĝis la alveturo al Trieste.

Ni varme rekomendas al niaj gesamideanoj eĉ ne riĉegaj ĉerpi tiun favoran okazon, por viziti italajn urbojn plej vidindajn per senpaga gvidado kaj ĉiuspeca helpado de la italaj Esperantistoj.

Sendu tuj aliĝojn kaj fotografajojn al: *F. E. I.*, 29, Via Spiga, Milano.

# Esperantista Vivo

**Edziĝoj.** — S-ro *J. Rocafull*, vicprezidinto de „Paco kaj Amo“, Barcelona, kun F-ino *J. Vilaró.*

F-ino *Adrienne Rippert*, Del. de UEA en Aïn-Beïda (Alĝerio) kun S-ro *Boulahbal.*

F-ino *Klarissa Lübek*, kun S-ro *Magnus Huusmann*, Tallinn (Estonio).

S-ro *Kardos* kun F-ino *E. Buretiĉ* en Györ (Hungario). Prelato Giesswein faris la ceremonion kaj finis per bela kaj interesa parolado Esperante. Multaj Esperantistoj ĉeestis.

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Laib*, Del. en Wilhelmshaven-Rüstringen naskiĝis filo, nomita Rolf Andre.

# TRA LA FAKOJ

## Internacia Propagando inter Universitataj Studentoj

La monata gazeto: „Gand-Université“ (Gent-Universitato), organo de la „Association générale neutre des Etudiants“ (Ĝenerala neŭtra Asocio de la Studentoj), dezirus malfermi, per Esperanto, Internacian Rubrikon. Necesas pro tio, ke almenaŭ unu Student(in)o el ĉiu Universitato konsentu sendi regule ĉiumonate raporton pri la studenta vivo ĉe tiuj Universitatoj (societoj, festoj, ekskursoj, vizitoj, specialaj organizaĵoj, okazintaĵoj, k. c). Reciproke raporto estos sendata al ĉiuj gekorespondantoj pri la Gent'a studentaro.

La unua numero de la jaro 1920/1921 enhavos poresperantan artikolon. Dependas nun de la nombro da respondoj al la ĉi supra peto, ke Esperanta raporto aperu en Gand-Université.

Por plifirmigi la rilatojn inter la ĉiulandaj studentaj organizoj, G.-U. proponas, ke ĉiuj studentaj gazetoj faru same, *kaj plie sendu al ĝi 2 ekzemplerojn de tiuj organoj (ĉu Esperantaj, ĉu nacilingvaj) interŝanĝe.*

Ĉu ekzistas en via lando *Nacia Studenta Asocio*, aŭ simila? Ĉiuj korespondaĵoj kaj interŝanĝaj sendaĵoj estu adresataj:

Gand-Université, Hendrien Victor, 43, rue du Saumon, Gand, Belgio.

*Gestudentoj* nepre skribu — *Gelegantoj* konigu nian peton al viaj gekonatuloj-studentoj. — Aliaj ĵurnaloj bonvolu represi.

## Al la kuracistoj Esperantistaj

Mi sciigas la kolegojn, kiuj bonvolis sendi al mi la provizorajn aliĝojn, ke la unua numero de la „Internacia medicina revuo“ aperos espereble en Marto. Mi petas ĉiun, kiu deziras kunlaboradi, sendi al mi kiel eble plej baldaŭ referatojn el la nacilingvaj revuoj medicinaj.

D-ro *Karlo Mezei*,
Teréz-körut 4, *Budapest VI* (Hungario).

## Esperanto kiel Lingvo de la Katolikaro

Kiel ĝenerale kaj ĉiurilate la internacia movado lasttempe multe kreskis, tiel ankaŭ ĉe la katolikoj. Oni jam de longe alcelas internacian organizon de la katolikaro tutmonda por apogi kaj forpuŝi la internacian agadon religian, socian, spiritan k. t. p. ĉe la katolikoj. Pro la nombro de la katolikoj tra tuta la mondo kaj pro la sento de komuneco tiu-ĉi „internacio“ havas plej grandan gravecon. Kaj la lingva problemo de tiu-ĉi internacio por ni Esperantistoj estas ankaŭ interesplena. Se la katolikoj ĉiulandaj ekzemple akceptas Esperanton kiel „katolikan“ t. e. ĝeneralan lingvon, tio estas certe nun el la plej gravaj faktoj de la Esperanto-movado.

En aŭgusto 1920 estas fondita en Hago la unua ĝenerala organizo de la katolikaro tutmonda, unuarange pere de la Esper-

antistoj katolikaj ĉiulandaj. Ili memkompreneble laŭstatute garantiis Esperanton kiel lingvon de la organizo nomita „Internacio katolika (Ika.)". La „Ika", al kiu aliĝis la katolika mondpacligo Kruco Blanka, agadas jam en pli ol 20 ŝtatoj, en kiuj ĝi nomis direktorojn, ĝi havas jam grandan kaj bonege aranĝitan centrejon, la „Internacia katolika agada centrejo" en Graz (Aŭstrio), kiun ĝi elektis kiel agadan centrejon precipe pro la valutaj cirkonstancoj. La ĉefsekretario, D-ro Metzger en Graz — kiu cetere ankaŭ estas komitatano de UEA — jam havis aŭdiencon ĉe la sankta patro en Romo kaj trovis ties benon. En aŭgusto 1921 en Graz estos aranĝata granda kongreso de la katolikaro tutmonda, kompreneble en Esperanto.

Memkompreneble ankaŭ ne mankas la malamikoj. Jam oni aŭdas de konkurenca mondligo katolika fondota. Verŝajne ekzistas ankaŭ homoj, kiuj ĉagrenas pri la nova internacio uzanta Esperanton kaj klopodos malhelpi ĝin. Des pli estas necesa, ke la katolikaj Esperantistoj el ĉiuj landoj fortege apogu nian internacion, ĉar per tiu grandega organizo peresperantista oni povos helpi la Esperanto-movadon tiom, kiom neniam estas eble per cent poresperantaj organizoj. La katolikaj Esp-istoj do ĉiuj sendu tuj sian nomon al la „Ika", Graz (Aŭstrio), Karmeliterplatz 5.

## Internacia Katolika Porpaca Konferenco

*7—11 aŭgusto 1921 en Graz (Aŭstrio)*

Okaze de la universala kongreso katolika en Graz, aranĝota per la Internacio Katolika (Ika) 7—11 aŭgusto 1921, okazos internacia katolika porpaca konferenco por pritrakti la problemon kaj tutmondan organizon de la internacia katolika porpaca movado. La prepara komitato starigis tuj internacian komitaton por montri la absolutan politikan neŭtralecon, kiu invitis ĉiujn geamikojn de la katolika porpaca movado al bonvola partoprenado. Ĉiujn informojn donas la organiza kongreskomitato Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

Por la prepara komitato de la konferenco,

Sekretario de Mondpacligo Kruco Blanka: *Kaspar Mayr.*

Ĉefsekretario de Ika: *D-ro Ph. Metzger.*

## „Moka"

*(Mondjunulligo Katolika)*

Moka jam bone progresas. En diversaj landoj delegitoj estas starigitaj, kaj kelkaj lokaj grupoj vigle agadas. Tamen granda parto de la katolika junularo ankoraŭ dormas. Vekiĝu, samideanoj, kunlaboru al la nobla celo unuigi la tutmondan katolikan gejunularon per Esperanto! Akceptu la oficon de Moka delegite por via urbo kaj atentigu la junulsocietojn katolikajn aliĝi al Moka. Diskonigu la Moka institucion de „internacia leterŝanĝado inter kat. junuloj".

Helpu ĉiumaniere al la disvastigo de la Moka-penso. Kat. Junuloj. En viaj manoj kuŝas la sorto de Moka. Tial antaŭen por nia bela celo!

Detalajn informojn donas la „Centrejo, Graz (Aŭstrio), Karmeliterplatz 5. *Hanns Sappl,* Sekretario de Moka.

***Noto de la Red.:*** **Ni volonte enpresas komunikajojn pri novaj fakaj organizajoj aŭ kongresoj, sed ĉar ni devas rezervi lokon egale por ĉiuj fakoj, ni tre petas, ke oni sendu al ni ne tro multajn kaj nur la plej necesajn.**

**Por pliaj detaloj ekzemple niaj katolikaj samideanoj informiĝu per *„Espero Katolika"* kaj subtenu tiun bonege redaktitan organon (abono 12 francaj Frankoj — 24 Kronoj, Kaiserstrasse 10, Wien VII (Aŭstrio).**

---

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio)

Enkondukante hodiaŭ la ŝakludan fakon en nia gazeto, ni rememorigu la miljaran historion de ŝakludo, kiu tiel proksime limiĝas per sia arta kaj logika konstruo al sciencaj instruoj. La ŝakludo similas multe al Esperanto. Nemultaj rimedoj, same kiel en Esperanto, estas la konstrumaterialo por la senfina beleco. Ŝakludo estas la provo, ke sole ideoj ŝparantaj la postulatan forton kaj materialon, obeantaj la utilan disciplinon, kaj permesantaj la liberecon povas sendanĝere travivi centjarojn. Nenio povas skui bonan principon kaj simplecon. Esperanto konstruas sammaniere kiel la ŝakludo kaj same al ĝi apartenos la miljara estonteco.

Esperantistoj, lernu la ŝakludon, kaj lernu de la ŝakludo!

Pro la limigita spaco, kiun la gazeto povis rezervi al la ŝakludo, ni aperigos ĉiam unu aŭ du problemojn, neforgesante aliajn produktojn de la ŝakarto.

La problemsolvoj aperos ĉiam en sekvonta gazetnumero.

La redaktoro salutas kore la interesemulojn kaj invitas ilin al kunhelpo. Nia devizo estu: bona kaj valora laboro.

*Fr. Hájek.*

**Problemo N-ro 1** (Originalo)

Al la ŝakludema samideanaro dediĉata de *F. V. Arbetaro* en Praha

Ses blankaj pecoj: D h 1; P g 4; Ĉ g 5; P g 6; Ĉ h 6; R a 8.
Ses nigraj pecoj: Ĉ d 3; P c 4; P h 5; Ĉ e 6; P c 7; R h 8.

Ekludante, Blanko matos per la tria movo

* * *

(Pli ol ĝustatempe S-ro Hájek sendis tiun belan problemon, kaj antaŭ pli ol unu monato nia presisto mendis la kompostmaterialon por du ŝakbretoj ĉe eksterlanda firmo, ĉar en Svislando tiaj specialaĵoj ne estas haveblaj. Malgraŭ avertoj kaj telegramoj la fabrikanto ne ricevis sufiĉe rapide la eksportpermesan paperaron, kiu ŝajnas esti komplikega. La supera problemo, kiun provizore ni konatigas per signoj, estos ripetata en la proksima numero sur la espereble tiam alveninta ŝakbreto. — *La Red.*)

---

# DIVERSAĴOJ

.·. **Esperanto en ĉiuj medioj.** — Por observanto estas tre signifa la mirinda disvastigo de Esperanto en plej diversaj medioj. En listo de kongresanoj mi memoras esti leginta la nomojn ekzemple de kantistino, de katolika episkopo, de minlaboristo kaj de scienculo. La alproksimigo de tiuj personoj tre malsamaj laŭ laboro, eduko kaj el ofte malkompreniĝantaj klasoj estas nun el la plej mirindaj kaj plej belaj rezultoj de Esperanto. Oni ne sufiĉe prikonsideras la ŝaton de Esperanto, kiu ekzistas ĉe personoj ofte ricevintaj apenaŭ unuagradan instruon. Mi konas la kazon de servistino de plej malalta klaso de hoteloj, t. e. de kafejaĉo, en kiu la manlaboristoj kuŝas po du en sama lito kaj kie estas multegaj litoj en sama ĉambreto, kiu atingis bonan scion de la lingvo lernante tutsola senŝeligante la terpomojn [1], alia kazo estas tiu de simpla domkovristo, kiu vojaĝis pli ol 20 km. por ĉeesti kurson de Esperanto kaj mirinde flue ĝin parolis. Nova kazo estas donita hodiaŭ de S-ro Elten el Hildesheim. Li gvidas kurson, en kiu partoprenas 2 manlaboristoj, 3 ministoj, 2 seruristoj, 1 kanalfosisto, 1 tajlorhelpanto kaj 3 filinoj de ministoj. Ni gratulu tiujn kuraĝajn kaj idealoplenajn homojn, kiuj donas al si penon lerni la internacian lingvon dum instruitaj personoj havas nur mokojn kaj malŝaton por Esperanto kaj ĝiaj adeptoj. — *Mekol.*

[1] Mi ne garantias, ke dum tiuj studoj la terpomoj estis artiste senŝeligitaj, sed en tiaj ejoj, indaj je priskriboj de Maksim Gorkij, la klientaro ne estas severa.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO.* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d. *Bulgario* 2.25 Lev; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F. M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 M.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 3 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante se ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Belgio

**Jette-Bruxelles.** — S-ro Ch. Wittamer, 72, rue Paul Michiels, PI, PM, k. ĉ. l.
**Mont-St-Amand-les-Gand.** — S-ro M. Sebruyns, 34, Rue de Gand, PM (interŝanĝe mi havigos Esp. librojn, gazetojn, broŝurojn, PM, k. t. p., laŭ deziro kaj laŭ la valoro de la sendo).

### Bulgario

**Derelij Karlovsko.** — S-ro Matej Stefanov, PI, k. ĉ. l.
**Sofia.** — S-ro Georgi Hr. Gaŝevski, Centra Librejo Esperanto, L, PI, k. ĉ. l. (pri ĉiaj temoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Bratislava.** — S-ro Fr. Molnár, inĝeniero, Stefánikova 23 a, PI, PM, L (pri elektrotekniko, elektromedicino, socialaj temoj).
**České Budejovice.** — S-ro Josef Beller, librobindisto, Gymnasialni 45, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**České Budejovice.** — S-ro Fr. Mizera, Smetanova u „Mlčanu" (deziras ŝakludi kun eksterlandanoj).
**Král. Pole u Brna.** — S-ro Jaroslav Paulu, bankoficisto, Srbskà tr. 3, PI, fotogr., gaz. ilustr. (precipe kun romanaj landoj).
**Lucenec.** — Alea Esp Grupo, S-ro Antonio Marek, Apátfalusi 2, L, PI, PM.
**Lucenec.** — S-ro Madaro Löwy, Vajnska ul. 9, PI, L (literaturo, nuntempaĵoj).
**Nusle 5.** — S-ro V. Čansky, PI, PM, k. ĉ. l.
**Pardubice.** — S-ro L. Daniel, ĥem., Hronovická 640, PI, bfl, L, gaz.
**Pisek.** — S-ro J. Huttar, Budova gymnasia, PI, PK, L, E, PM, k. ĉ. l.
**Podjedlina** ap. Rychnov n. Ku. — S-ro J. Kunc, gimnaziano, PM, bfl, L, PK, PI, k. ĉ. l. (prefere kun studentoj pri diversaj temoj, vendas legionajn PM, 1 serion por 5 Fr. sv., respondos tuj kaj nepre).
**Praha-Nusle 387.** — S-ro Fr. Černy, urba oficisto PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Nusle 445.** — S-ro Lad. Klima, urba oficisto, PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Zizkov.** — S-ro Oto Brumlik, Nerudova ul. ĉ. 10, PM.
**Stodo 136 apud Plzen.** — S-ro Rudolf Šindelár, PI, PM, k. ĉ. l.
**Vranov Slovakio.** — S-ro Zoltano Kraemer, PM, PI, L (kun zionistoj).

### Danzig (Liberŝtato)

**Danzig.** — S-ro W. Kawecki, komercisto, Fischmarkt 40/41, PM (ne germ.; ĉiam respondos).
**Danzig.** — S-ro W. Friedrich, rektoro, Petershagen 33, PM (krom Germ., Pol., Ĉeĥ.; prefere en rekom. letero; ne sendas unue; difektitajn kaj malbelajn PM ne ŝanĝas).

### Estonio

**Haapsalu.** — S-ro Grünthal, fotografisto, PI, L stereoskopaj-fotoj (nur kun fotografistoj).
**Narva.** — S-ro Eduard Ney, Lembitu tõnov 4, PM, k. ĉ. l. (ne sendas unue).
**Narva.** — F-ino Rosalinda Landmann, 7 a Petri tän 4, PI, PM, bfl (tuj respondos).
**Reval.** — S-ro B. Konstantjuk, Poska 11 K. 4, L, PM.
**Reval.** — S-ro Leopold Ehrenpreis, Rüütli t. 6, „Espero", PI.
**Reval.** — F-ino Naima Vogt, Harju str. 28—6, PI.
**Reval.** — S-ro August Birk, Väike Balesna 5-I, PI, PK, L, PM, bfl (nur kun ekstereŭropanoj).
**Reval.** — S-ro Leopold Ehrenpreis, Rüütli tän. 11, PM, PI (kun skoltoj el ĉ. l.).
**Reval.** — S-ro Friedrich Simson, Hayu t. 28, 4, PM, PI.
**Reval.** — S-ro Alexandnr Grenfeldt, Allemani 23, 5, PM, PI.

### Finnlando

**Haavisto pys.** — Fraŭlo Aarne Männistö, ĉe fervojo de Pori, L, PK, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Heinola.** — F-ino Leeni Juhola, Porinstruista lernejo, PI (kun instruistoj).
**Helsinki.** — F-ino Alma Hirvonen, Porthaninkatu N-ro 7, L, PI, PK, k. ĉ. l. (precipe kun idealistoj).
**Helsinki.** — S-ro A. Rosenberg, Kaptensg. 3, PM.
**Mikkeli.** — F-ino Ida Suuronen, Etelakonlukatu 2, Cajander, PI, bfl.
**Piikkiö.** — S-ro Pastro A. V. Jaakkola, L (kun luteranaj pastroj).
**Sortavala.** — S-ro Veikko Ekroth (kun ĉiuj).
**Ulvila.** — S-ro Paavo Aaltonen, PI (kun instruistoj ekstereŭropaj).

### Germanio

**Berlin.** — S-ro Hugo Ernst, Belle-Alliancestr. 71 a, L, PI, PK, PM.
**Dresden N.** — S-ro E. Rietschel, Kurfürstenstr. 10/III, PI, L, PM.
**Dresden.** — Korespondadon kun samfakanoj dez. 30 policanoj, 30 komerckomizoj, 40 bankoficistoj, 30 magistrat-oficistoj. Sin turni al S-ro W. Ranft, Hauptstr. 38.
**Dresden-A 5.** — S-ro Karl Thönen, Peterstr. 49, L, PI.
**Dresden-N.** — F-ino Margarethe Kunath, Kamenzerstr. 38/II, PI.
**Dresden-A.** — F-ino Helene Müller, Tzschimmerstr. 17/I, L, PI.
**Dresden-A.** — S-ro Willy Kunath, bankoficisto, Cirkusstr. 39/III, L, PI.
**Dresden-N.** — S-ro Max Müller, Leipzigerstr. 78, PM.
**Dresden-Tolkewitz.** — S-ro Erich Mittasch, Wilischstr. 3, p., PI.
**Dresden-Niedergorbitz.** — S-ro Willy Nietzold, L, PI.
**Dresden-A.** — S-ro Gerhard Geyer, bankoficisto, Nothnitzerstr. 24/II, b. Schanik, PM, PI, k. ĉ. l.
**Dresden-A.** — S-ro Kurt Stertz, Waisenhausstr. 21, Commerzbank, L, PI.
**Dresden-A.** — S-ro Hans Merz, bankoficisto, Werderstr. 26/I. 1, L, PI.
**Erlangen** (Bavario). — S-ro Josef Engst, studentoligo „Gothia", L, PI, PK, PM, Esp gaz., Esp. sigelmarkojn k. ĉ. l.
**Friedrichsthal.** — S-ro Nikolaus Domen, Moltkestr. 10, L, PK, PI, k. ĉ. l.
**Gera** (Reuss). — S-ro Richard Schneider, Körnerstr. 28, sendas germ. PM aŭ PI, bfl (kontraŭ sendifektaj PM de aliaj landoj, rekomendas enmeti la PM inter gazetfolioj kun indiko PM aŭ PI kaj sendi kiel presaĵo).
**Grethen-Grimma** (Sachsen). — S-ro Richard Hering, instruisto, L, PI, PM.
**Halle a. S.** — R. Sommer, Stadtgutweg 1, PM, PI, k. ĉ. l.
**Kaiserswerth.** — S-ro Hans Poensgen, Duisburgerlandstr., L, PK (pri lingvoj, literaturo, historio, socia movado, stenografio, arto kaj muziko, kun belgoj, danoj, italoj, nederlandanoj, norvegoj kaj franclingvaj svisoj en Esp. kaj propraj idiomoj).
**Leipzig Stötteritz.** — F-ino Lotte Lerchner, 11-jara, Colmstr. 1/III r., L, PI (kun ĉiulandaj geknaboj).
**Menzelen-West** (Rheinland). — S-ro Hermann Wolfertz, instruisto, PI, PM, gaz.
**München.** — S-ro Franz Blindhuber, Kurfürstenstr. 8, PI, bfl, PM (kun negerm.).
**Potsdam.** — S-ro R. Pridat, Waisenstr. 40, PM, k. ĉ. l.
**Steinkirchen-Lübben N.-L.** — S-ro W. Marchal, teknikisto, PI, L, k. ĉ. l.

### Hispanio

**Jerez de la Frontera.** — S-ro Antonio Garzia Perez-Caballero, Esperantista Grupo, PM, PI, k. ĉ. l.
**Palma de Mallorca.** — S-ro Nicasio Terrasa, Piedad 28—2, PM, PI, nacilingvaj revuoj, k. ĉ. l.

### Hungario

**Budapest.** — S-ro Josef Soós, VII., Dembrinsky u. 39. I., PI, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Julio Véthly, IX., Soroksári ut. 88, f. 6, L, PI, bfl, PM.
**Budapest.** — S-ro Zoltano Fényes, VII., Dob u. 5. II. 1, PI, PM
**Budapest.** — S-ro Alexandro Kertész, VII., Rottenbelles u. 5. d. I., PI, PM.
**Budapest.** — S-ro Paulo Radó, IX., Ráday u. 8, PI, PM, L (nur kun ekstereŭropanoj).
**Budapest.** — S-ro Ladislav Szentgyörgyi, IX., Lónyai u. 19. IV. 8., PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Budapest.** — F-ino Sári Molnár, studentino, VII., Izabella u. 34, PK (kun studentinoj, advokatoj, inĝenieroj, k. t. p.).
**Budapest.** — S-ro Jozefo Joannoviĉ, VI., Izabella u. 89, PI, L, k. ĉ. l. (precipe ekstereŭropaj, nepre respondos).
**Budapest.** — S-ro Márton Szirmay, VI, Aradi u. 16, III, 5, PK, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ino Emilio Nedelkovits, V., Lipót körut. 28, III, 23, PK, PI, L, k. ĉ. l. (precipe ekzotikaj, ĉiuj ricevos respondon).
**Budapest.** — S-ro Leo Herz, VI., O' utca 40, PI, PM.
**Szombathely.** — S-ro Izsó László, L, PI, PM (monon ankaŭ; precipe kun ekstereŭropanoj).
**Szombathely.** — S-ro Török Jenö, Templon-ter 5, L, PM, PI.

### Italio

**Bologna.** — S-ro B. Ragusi, 1, via d'Azeglio, piano II, PM, PI, L (kun partoprenantoj de la Internacia Turista Kunveno).
**Bologna.** — S-ro Michelangelo Riccomini, 1, via d'Azeglio, PM (malmultaj), L, PI (kun partoprenantoj de la Turista Kunveno).
**Magré a. A.** (Trento). — S-ro Gustavo Perini, PI, bfl.

### Jugoslavio

**Zagreb.** — F-ino K. Leitner, Laŝĉinska cesta 94 a, PI, bfl, PM (krom ĉeĥosl.).
**Zagreb.** — F-ino B. Kozloviĉ, Preradoviĉeva 8, PI (artaj).

### Latvio

**Riga.** — S-ro August Krause, Swaigschnu eela 21 dz. 53, L, PI, bfl (nur kun ekstereŭropanoj).

### Nederlando

**den Haag.** — S-ro A. Hoekma, Boterstraat 4, PI, k. ĉ. l. (prefere kun Azianoj).
**Zwolle.** — S-ro W. Proper, fervojoficisto, Anjelierstraat 30, PM, PI (nur stacidomoj).

### Polio

**Bydgoszez.** — S-ro St. Kowalewski, Welniany rynek 15, PM, PI, bfl, k. ĉ. l.

### Rumanio

**Bender-Tighina** (Besarabio). — S-ro Lew Soltâschi, str. Regina Maria 6, L, PI, PK, PM, k. ĉ. l. (PM ne bfl).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Ila Fodor, oficistino, PI, L (pri amo).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Agnes Halász, studentino, Str. Köteles Sámuel 16, PI L (pri ĝardenkulturo).

**Targul-Mureŝ.** — F-ino Magda Halász, studentino, Str. Köteles Sámuel 16, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Petro Jónás, lignajisto, Dersöfi-str. 22, Pl, L (pri socialismo kaj ĝenerala stato de l' laboristaro).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Ödön Lázár, oficisto ĉe l' soc. partio, Munkásotthon, Pl, L (pri sociologio).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Ica Radó, Hotelo Transilvanio, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Margareto Simon, oficistino, Esperanto-Centro, Pl, L (pri beletristiko, muziko, socialismo).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Dominiko Simoncsik, lignajisto, Str. Sándor János 33, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Ladislav Török, oficisto, Apafi-str. 7, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Aranka Traub, oficistino, Szentgyörgy-tér 43, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Szenka Traub, oficistino, Szentgyörgy-tér 43, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Zoltano Váray, universitatano, Str. Kemény Zsigmond 6a, Pl, L, k. ĉ. l. (kolorigitajn urbvidajojn, fotografaĵojn, sendas milithelpajn PM kontraŭ samaj).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Riza Fränkel, oficistino, Fötér 66/I, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Johano Haldenwang, lignajisto, Str. Eötvös József 9, Pl, L (pri laboristaj movadoj kaj organizaĵoj).
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Ida Mihályi, oficistino, Kir. járásbiróság, Pl.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Jolán Nemes, Patak-strato 4, Pl.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Szidi Rothstein, oficistino, Korzó-köz 13, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Henriko Weintraub, studento, Str. Vörösmarty Mihály 3, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Ladislav Metz, studento, Munkácsy-str. 13, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Irén Steinfeld, oficistino, Str. Regele Carol I. 8, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Juliska Preszler, oficistino, Piata Regele Ferdinan 35, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Elizabeto Hegyi, Eötvös-strato 4, Pl, L.
**Targul-Mureŝ.** — F-ino Piroska Metz, profesorino de muziko, Tisztviselötelep, Pl, L (pri muziko, modernaj humoristoj).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Dezideriо Tövissy, Esp.-Centro, Pl, L (pri socialismo).
**Targul-Mureŝ.** — S-ro Aleksandro Simon, studento, Sörgyár, L (pri socialaj temoj).
**Tusnád** (Transilvanio, Csik). — S-ro P. Lazaro Darvas, franciskana pastro, Pl, L (pri teologio, psiĥologio, precipe pri edukado).

## Svedio

**Arlöv.** — S-ro Erik Olsson, Box 75, blindulo, L, PM (per Braille-skribo).
**Malmö.** — S-ro E. Andersson, peltisto, Hasselgatan 15, Pl (pri diversaĵoj).
**Malmö.** — S-ro M. Carlsson, tipografisto, Stenbocksg. 21 (pri literaturo kaj lingvaj temoj).
**Malmö.** — S-ro D. S. Ridderheim, „Elisehem", L, PM.
**Malmö.** — S-ro E. Andersson, Rörsjögatan 16 (Esp. gaz., ŝlosilojn, propagandilojn, literaturaj verkoj).
**Malmö.** — S-ro K. Andersson, Kristianstadsgat. 18. IV, Pl. k. ĉ. l.
**Malmö.** — S-ro J. Petersson, Agnesgatan 1 (pri psikologio).
**Malmö.** — S-ro N. S. Ridderheim, „Elisehem", L, PM.
**Malmö.** — S-ro R. Gustavson, Parkgatan 19, L, PM.
**Västerås.** — S-ro O. Steiner, Lindero 3, PM, Pl (naciaj kostumoj kaj historiaj domoj), L (pri arĥitekturo, teozofio, etnografio kaj ĉiuj problemoj internaciaj; ĉiuj demandoj pri Svedio estas respondataj).

## Svisio

**Les Brenets** (Neuchâtel). — S-ro Emmanuel Zürcher, studento, Pl, PM, bfl.
**St. Gallen.** — S-ro Ew. Scherzinger, Heiligkreuzstrasse 27, PM.

## Ameriko

**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Isidro Fernández, 67, str. Ste. Roca, PK, L, k. ĉ. l.
**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Antonio Lattanzio, 245, str. Darragueira, PK, L, k. ĉ. l.
**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Vincento Orlando, 77, str. Santa Fé (kun rusoj, japanoj, ĉinoj, turkoj kaj novaj eŭropaj ŝtatoj).
**Belleville** (Illinois). — Reime Studio, 23, W. Main St., PM (militmarkoj, novaj eŭropaj ŝtatoj).

## Aŭstralio

**Melbourne.** — S-ro Nowell Home, 129, Manning Road, East Malvern (kun studentoj havantaj sciadon de ĥemio kaj elektro; kun minimume dekkvinjaruloj).
**Melbourne.** — S-ro David Rosen, 338, Cardigan Street, Carlton, Pl, L, bfl., k. ĉ. l. (speciale tipaj regionaj vidindaĵoj kaj kuriozaĵoj).
**Melbourne.** — S-ino Alfred Klein, 53, Lydia Street, Brunswick, L, Pl, bfl.
**Melbourne.** — S-ro L. E. Thomson, „Merlong", Hartwell Hill Road, South Camberwell, bfl, Pl (urbaj, kamparaj, maraj kaj naturaj vidaĵoj, naciaj kostumoj.)

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 5 Kr.; *Belgio* 0.80 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 2 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr. ĉ.; *Finnlando* 1.20 F. M.; *Francio* 0.80 Fr.; *Germanio* 1.60 M.; *Hispanio* 0.50 P.; *Hungario* 5 Kr.; *Italio* 1 L.; *Jugoslavio* 2.50 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 5 M.; *Skandinavio* 0.40 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni pagu per ili: 1 respondkupono = 25 centimoj.)

**Adresŝanĝo.** — Majoro Raven-Hart, Union Club, Necochea y Peru, Mendoza, Argentino, scias, ke kelkaj leteroj al Buenos Aires perdiĝis kaj do petas senkulpiĝon kaj reskribon. Li volas korespondadi pri telegrafoj (speciale fervojaj), kaj interŝanĝi tradukojn el literaturo moderna (speciale el malmulte konataj lingvoj) kaj popolartajn objektojn malgrandajn kaj malmultekostajn post propono.

**Astronomio.** — Planedar-modelojn kaj aliajn instruilojn deziras aĉeti F. Albino 22, Ainger Road, London N. W. 3.

**Averto.** En la Jarlibro de UEA erare aperas mia nomo kaj adreso kiel filatelisto, mi do petas oni ne sendu al mi PM sed nur PK kaj ĉiuspecajn ilustritajn gazetojn. S-ro N. Benito, 2910, Strato Olleros, Buenos Aires. Al S-roj J. Vahtkerl. Tallinn; Stana Kriz. Zlin; Henriko Muller, Rotterdam; G. Wendland, Auerfurt, mi respondis viajn leterojn; sed la poŝto ilin resendis al mi.

**Centra Librejo Esperanto** en Sofia deziras esti en rilatoj kun ĉiuj esperantaj eldonejoj kaj librovendejoj.

**C H 4** elteriĝantan utiligi Skribu al J. Dubny, Orlová, Ĉeĥoslovakio.

**Ekspozicio.** — Por aranĝota esperanta ekspozicio ni serĉas kor. en ĉiuj landoj, kun kiuj ni povos daŭre korespondi. Laborista Esperantista Grupo, S-ro Konrad Deubler, Arcisstr. 48/II. r., München, (Bavario).

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per rekomendita letero 100—500 PM (ankaŭ pli multe de unu speco) de via lando, kaj mi sendos tuj al vi la saman valoron de Ĉeĥoslovakio. Aldonu respondkuponon! Josef Pumr, instruisto, Hradec-Kralóvé II (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per letero rekomendita 50—100 PM malsamajn el via lando, mi tuj sendos al vi la saman kvanton el Germanio. Aldonu respondkuponon. D-ro A. Moebusz, Falkenstr. 12, Lübeck.

**Filatelistoj.** — S-ro Y. Friedrich, okrezni hejtman en Dacice na Mor (Ĉeĥoslovakio), sendas laŭvolan nombron da PM ĉeĥoslov. (ĉiuj), de aŭstria resp. (ĉiuj) kaj aŭstriaj (de j. 1908—1918) kontraŭ la sama valoro da PM de aliaj landoj. — Ne sendas unue.

**Filatelistoj.** — Kiu sendas al mi PM de sia lando ricevos tuj samvalorajn kaj samkvantaj germ. PM, R. Pridat, Waisenstr. 40, Potsdam.

**Gazetoj.** — Gesellschaft für Schrift und Sprache, Lindenstr. 10, Lubben N. L. (Germanio), aranĝas senkostan rondsendadon de germanaj naciilingvaj kaj Esperanto-gazetoj. Deziras ĉiulandajn naciilingvajn gazetojn kaj jurnalojn.

**Helpu.** — Malriĉa pola samideano troviĝanta en kritika situacio petas alsendon de nutraĵoj precipe de kondensita lakto. S-ro Henriko Leser, 12 Ogrodowa Rzoszow (Polio).

**Juna hungara kuracisto** kun tri-jara dentkuracista praktiko, serĉas eksterlande okupadon kiel helpanto aŭ anstataŭanto, precipe kiel dentisto. Le preferas: Hispanion, Italion, Francion, Svision, Anglion, Potugalion. Li parolas: angle, france germane, hispane. Li petas sendi bonvolajn proponojn al: D-ro Bodnár Budapest IX., Mester u. 3.

**La Redakcio** de la esperanta literatura gazeto „Literaturo" deziras ricevi esperantajn manuskriptojn por ebla utiligo en la gazeto. Oni sendu rakontojn, artikolojn kaj poemojn, originalajn aŭ tradukitajn. Oni prefere sendu mallongajn manuskriptojn. Al sendintoj de manuskriptoj uzataj oni senpage sendos la gazeton dum unu jaro. Adresu al Charles H. Edmonds, „Rockwood", High Road, Wembley Anglio.

**Liberŝtato Danzig.** — PM vendas kaj interŝanĝas kun alilandaj (ne germanaj) W. Kawecki, Danzig (Liberŝtato), Fischmarkt 40/41. Filatelista afrankado!

**Pardonu!** — S-ro J. Kaplan, en Leepaja informas siajn korespondantojn, ke pro militservo kaj foriro li devas haltigi la korespondadon.

**Poŝtkartvespero** organizota la 9 Marto de la E. Rondo de Oldham. Sendu Pl el ĉiuj landoj al la sekretario: S-ro J. J. Seal, 47, Ashley St. Oldham, Anglio. Ĉiu sendinto ricevos respondon.

**Poŝtmarkoj.** — Ĉiuj, kiuj sendas al mi 50—100 PM malsamaj mi resendas plej rapide la saman kvanton. Heinrich Weissbeck, Heimannshäuser 12, Schweinfurt (Bavario).

**Poŝtmarkoj.** — Oni sendu al mi 50—100 poŝtmarkojn (ne ĉeĥoslovakajn); mi sendos saman kvanton finnaj. S-ro Aaro Männistö; Haavito pys., Porin rata-osa Finnlando.

**Semoj.** — Kiu povas sendi al mi iometon da floraj semoj kaj florbulboj por mia ĝardeno? Klarigu, kion vi deziras interŝanĝe Izó László, Szombathely, Hungario.

**Skoltoj.** — Sendu bonvole malsamajn PM al miaj 10 skoltoj por vigligo de la instruado. Adreso: S-ino Mammen Grenaa, Danio. Ĉiam respondas.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. — (En nacia mono: Vidu la tabelon sub Petoj kaj Proponoj.)

**„Al mia fratineto"**, broŝuro (31 p.) pri la seksvivo, verkita de Felik Ortt, havebla ĉe eldonejo „Chreestarchia", Soest, Nederlando, kaj ĉe D. Roskes, prezid. de la Centra Komisiono de la Movado por ĉasta vivo, Hago, van Loostr. 68. Prezo: fl. 0.50 (duona holanda guldeno.)

**Anoncu** en pola gazeto „Nowe Tory" (Novaj Vojoj). Eldonanto: Prof. L. Kronenberg „Nowe Tory" Bydgoszcz, Polio. Por malgranda sumo en eksterlanda mono vi havos sukcesan reklamon! Specimenoj kaj kondiĉoj kontraŭ respondkupono.

**Esp. eldonistoj!** — Kiu entreprenus eldoni Hungaran Poemaron esperantigitan? Ofertojn petas la tradukinto D-ro Jenö Fuchs, Del. de UEA. Mátészalka (Hungario).

**Fabiola.** — Rakonto pri la katakomboj de kardinalo Wiseman. El la angla lingvo tradukis E. Ramo. Multaj ilustraĵoj. 427 dense presitaj paĝoj. Prezo fl. 2, afrankite kaj rekomendite fl. 2.55 (21 internaciaj respondkuponoj), ĉe Centra Esperanto-Librejo, Daguerre straat 158, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Filatelistoj.** — Mi aĉetas neuzitajn PM el ĉiu eŭropa lando aŭ sendas reciproke laŭ elekto. Pierre Morinet, poŝtoficisto Paris IX.

**Kolektantoj! Atentu!** Mi vendas hungarajn poŝtmarkojn por duona prezo de l' katalogo Michel 1920. Ie ajn vi pagas pli multe. Skribu al Leo Herz, Budapest VI, O-utca 40.

**„Lumo".** — Kelkaj jarkolektoj de l' malnova bulgara grandformata Esperanta ilustrita revuo „Lumo" vendas S-ro Ivan Nenkov, str. „Sv. Gorska" 2299, Tirnovo, Bulgario. Unu jarkolekto 10 fr. aŭ 1 dolaro en bankbileto.

**Malakito.** — Mi volas aĉeti krudan kupran malakiton po 1015 kilogramoj el iu lando, ankaŭ gemojn en kruda stato. Sendu specimenon kun prezo. Ĉia negoco kontante. Albert Everitt, Escondido (Usono, California).

**Poŝtmarkoj.** — Mi serĉas personojn, kiuj volas aĉeti por mi komerce poŝtmarkojn de siaj landoj; en San Marino, Albanujo, Afganlando kaj insuloj tra la mondo. F. Albino, 22, Ainger Road, London N. W. 3.

**Poŝtmarkojn** hungarajn ne uzitajn en plena serio (katalogprezo), poŝtkartojn ilustritajn de Budapest, 40 specojn kun portreto de D-ro Zamenhof, por respondkuponvaloro aŭ interŝanĝe de diversaj objektoj sendas Laquer Sandor, Budapest VII. Király n. 57/II. 2. Nun mi bezonas eburon kiel ostskulptisto (elefantosto).

**Poŝtmarkoj.** — Mi vendas pogrande kaj detale aŭstriajn, polajn (ankaŭ oficialajn) PM; mendojn kun kondiĉtradonoj turni al K. Skoczek, 28, Grunwaldba, Rzcszów. Polio.

**Poŝtmarkoj** de eks germanaj insuloj en la Pacifiko. — Mi havas kelkaj kompletaj nuntempaj serioj de ½ d. ĝis £ 1. Tre antikva kaj baldaŭ aperos nova serio! Notu: Mi ne estas komercisto! Por prezo skribu al: S-ro F. T. Simon, Rabaŭl, Nov-Britio (Pacifikaj insuloj).

**Poŝtmarkojn grandkvante** kaj po folio vendas: Akos Borsódi, Révay utca 24. Budapest VI.

**Poŝtmarkojn.** — „Pošta Československa 1919" 17 spec. = 20 sv.; Plebiscitajn ĉeĥoslovakajn 37 spec. = 30 fr. sv.; legionajn 6 spec. = 4 fr. sv., kaj aliajn vendas J. Huttar, gymnasium, Pisek, Ĉeĥoslovakio.

**Sovjetajn-poŝtmarkojn** (famajn hungarajn) oni povas aĉeti de S-ro Izsó László, Szombathely, Hungario. Sendu papermonon en rekomendita letero, samvaloraj poŝtmarkojn vi ricevos.

**Spertaj agentoj,** bone rekomenditaj, kiu povas vendi pogrande fer- kaj teknikaj artikoloj en ĉiu urbo de Danio, Estonio, Finnlando, Letonio, Litovio, Norvegio kaj Svedio serĉas Kawecki & Wolff, Danzig, Fischmarkt 40/41.

**Zamenhof-Bildo.** — Originala plej bela, naturgranda oleo-bildo, pentrita 1910 en la hejmo de Majstro, de jam mortinta, konata pola pentristo Maske, estas pro cirkonstancoj aĉetebla por tre malgranda prezo 1200 svisaj frankoj. Al aĉetontoj sendeblaj estas poŝtkartoj de tiu ĉi bildo. Adreso: R. Maske, str. Przemystowa 20, Poznaŭ, Polio.

## Oficejo por ĉiuspecaj tradukoj

en kaj el jenaj lingvoj:

| | | |
|---|---|---|
| angla | greka | rumana |
| bulgara | hispana | rusa |
| ĉeĥa | hungara | serbokroata |
| esperanta | itala | sveda |
| franca | pola | turka |
| germana | | |

Listo ĉiam kompletigata per pluaj lingvoj. — La prezojn mi indikos laŭ la alsenditaj tekstoj

**JOSEF HAUF, Deĉin, Tetschen a. E. 277**

Ĉeĥoslovakio

## Laquer Sándor - Budapest

Király u. 57/II. 2

**ostskulptisto, notario, komisiisto**

akceptas privatajn, komercajn kaj aliajn ĉiuspecajn komisionojn en Hungario

Korespondas nur Esperantlingve!

## La Eklezia Esperantista Ligo

Kunligas anojn de ĉiuj eklezioj. — Celas per Esperanto helpi la reunuigon de Kristanoj. Propagandas Esperanton ĉe profesiuloj kaj aliaj kleruloj de ĉiu nacio. — Utiligas Esperanton en ĉiuspeca religia kaj literatura agado. — Ĉiujara kotizaĵo ekster Britujo: 3 sh. aŭ 6 sh.

Hon. Sekretario: Pastro *A. J. Ashley*, Farnley Tyas Vicarage, *Huddersfield* (Anglolando).

Societo Anonima **Cigarfabrikejo**

## DE RUITER & ZOON

**CULEMBORG (Nederlando)**

**Eksportas tutmonde / Oni revadas je niaj cigaroj ĉiuloke / Senpage ni ne sendas specimenojn / Petu nian senpagan katalogon / Esp. korespondata**

Lingva instruado (laŭ Thora Goldschmidt) sur la fundamento de bildotabuloj

## Bildotabuloj por la Instruado de Esperanto

85 bildoj kun klariga teksto, ekzercoj, ekzemploj kaj gravaj aldonoj (fundamenta gramatiko kaj ekzercaro de D-ro Zamenhof, monsistema tabelo kaj Esperantaj dokumentoj).

Prezo bindite: **6 M.** plie 100 % eldon-plikarigo.

Eldonejo **Ferdinand Hirt & Sohn,** Salomonstr. 15, **Leipzig** (Germ.).

## KRISTANA ESPERO

**LAIHIA (Finnlando)**

neŭtrala, bone redaktata, 2-monata Kristana Revuo, organo de la internacia **„Kristana Esperantista Ligo"** fondita en *Hago*.

**Abono: 15 F. Mk.** Petu specimenon kaj abonliston kun prezoj en via nacia monunuo kaj listo de la reprezentantoj.

20 % rabato por mendo de 3 jarabonoj.




## 4a Internacia Foiro de Frankfurt a. M.

**10—16 aprilo 1921**

**Ampleksa Ekspozicio de 30 branĉoj ◆ Importo — Eksporto**

Prospektoj en la lingvoj: germana, franca, angla, itala, hispana, holanda, dana norvega, sveda kaj esperanta

Korespondado en Esperanto

Oni petu tuj detalajn informojn de Messamt (Esperanto-fako) Frankfurt a. M. Germanio

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN